# Etnismo

ISSNO930

N-ro 88 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 31.12.2011




*En tiu ĉi numero:*

Daniele Vitali

# VOJAĜO AL LA CENTRO DE RUSIO

## LINGVOJ, POPOLOJ KAJ RELIGIOJ LAŬLONGE DE VOLGO




Fonto:http://www.lib.utexas.edu/maps/commonwealth.html, adaptita al Esperanto.

La Rusia Federacio (RF) estas la plej granda lando en la mondo, kun teritorio kiu okupas 17 075 400 km$^2$ (Eŭropa Unio havas "nur" 4 326 253 km$^2$) tra Eŭropo kaj Azio, ekde la limoj de EU ĝis la Pacifika Oceano vid-al-vide de Japanio. Ĉar multaj partoj de la landego havas malfavoran klimaton, la loĝantaro estas relative malalta (142 905 208 homoj laŭ la provizoraj rezultoj de la popolnombrado 2010, kontraŭ 499 723 520 de Eŭropa Unio) kaj grandparte koncentriĝas en urbegoj kiel Moskvo (11 514 330 homoj) kaj Sankt-Peterburgo (4 848 700).

Kiel la legantoj de ***Etnismo*** jam bone scias, la etna konsisto de RF estas tre bunta. Rusoj estas granda plimulto (79,8%) kaj ankaŭ ĉiuj aliaj komprenas kaj parolas la rusan lingvon, sed vivas tie dekoj da aliaj popoloj: tjurklingvaj kiel tataroj, baŝkiroj, ĉuvaŝoj, balkaroj, karaĉajoj, nogajoj, saĥoj (jakutoj), ujguroj kaj tuvoj, finn-ugraj kiel komeoj, mareoj, udmurtoj, mordvoj kaj kareloj, tunguzaj kiel evenkoj, evenoj kaj negidaloj, mongolaj kiel kalmukoj kaj burjadoj, hind-iranaj kiel la osetoj, aŭ ankoraŭ kaŭkazaj kiel adigeoj, ĉerkesoj, inguŝoj, maharulaloj (avaroj) kaj noĥĉoj (ĉeĉenoj). Ĉi lastaj, viktimoj de terura milito, estas la plej konata malplimulto, kaj foje oni havas la impreson ke la publika opinio de okcidentaj landoj konas nur ilin, kiel strangaĵon aŭ escepton en la granda ruslingva maro de la aliaj civitanoj de la Federacio.

### RUSIO: FEDERACIA ŜTATO

La aferoj ne vere statas tiel: kiel diras ĝia oficiala nomo, Rusio estas federacia ŝtato, kun ĉef-estaĵo (Rusio propre dirita, kiu dividiĝas en provincojn aŭ *oblasti* regatajn de guberniestroj, *gubernatory*) kaj pluraj respublikoj, kie vivas la supre diritaj popoloj kaj multaj aliaj. La nuna Rusio estas do malpli grandskala versio de la malnova Sovetunio, kiu ankaŭ estis strukturita laŭ sistemo de *matrëŝki*, la lignaj statuetoj enfermeblaj unu en la alia. Ŝanĝoj malmultas kaj estas ĉefe eksteraj: la malnova Tatara Aŭtonomia Soveta Socialisma Respubliko nomiĝas hodiaŭ Respubliko *Tatarstan*, la antaŭa Ĉuvaŝa Aŭtonomia Soveta Socialisma Respubliko fariĝis Ĉuvaŝa Respubliko (loklingve *Čăvaš En*) kaj la eksa Marea Aŭtonomia Soveta Socialisma Respubliko estas nun la Respubliko *Marij Èl*. Tuj post la falo de Sovetunio en 1991, fortega etnisma vento ŝanĝis fakte la respublikajn nomojn de la rusa al la lokling-

vaj versioj, kaj malfermis la vojon al pli da aŭtonomio, sed tiu procezo jam interrompiĝis: la *Putin*-a kuracado recentrigis la landon, kaj la antaŭaj "respublikaj prezidentoj" nomiĝas nun simple "ĉefoj" (ruse *glavy*, sing. *glava*) kaj estas nomumataj de Moskvo, kiel ankaŭ la guberniestroj.



**Sankta Bazilio: pastelaj koloroj en Moskvo.**

## IKEL-DELEGACIO EN LA RUSIAN FEDERACION

La rusiaj popoloj intertempe alvenis al la malgaja situacio, en kiu la intergeneracia transdono de iliaj lingvoj riskas plene interrompiĝi, sed aliflanke ili finfine konsciiĝas pri la graveco de tiuj lingvoj kaj de la koncernaj kulturoj. Sciante ke mi apartenas al amika rondeto kiu, en mia italia urbo Bolonjo, de 15 jaroj laboras por la defendo kaj valorigado de la bolonja dialekto (kp. ***Etnismo*** 86), la **IKEL-**estarano *Hèctor Alòs i Font* kaj la ĉuvaŝa esperantisto *Aleksandr Blinov*, ambaŭ loĝantaj en Ĉuvaŝio, invitis min al sia respubliko por fari iaspecan "interŝanĝon de bonaj praktikoj". Mi do flugis al Moskvo en oktobro 2011, kaj revidis la urbon post 19 jaroj da foresto. Intertempe ĉio ŝanĝiĝis: la ĉefurbo de Rusio nun estas bone flegata kaj oni povas facile trovi restoraciojn kaj vendejojn. Krome, la Ruĝa Placo kaj Kremlo, kun ties tipe rusaj "pastelaj" koloroj, estas inter la plej famaj lokoj de la mondo.




El Vikimedio, Aŭtoro: *K. Musser*, adaptita al Esperanto.

**Volga valo.**

## TATARIO

Sed mia vojaĝo vere komenciĝis nur kiam mi flugis al Kazano (1 143 546 loĝantoj), kiu troviĝas borde de la granda rivero Volgo kaj estas ĉefurbo de la Respubliko Tatario (3 786 358 loĝ.). «Sed ĉu vere ekzistas tia fabelnoma loko?», demandadis miaj okcidentaj geamikoj dum retpoŝta mesaĝado. Jes ja, la tataroj tute ne estas fabelaj, kaj tre malfabele regis Rusion dum ĉirkaŭ 300 jaroj, ĝis kiam Ivano la Terura venkis ilin en 1552. Tie atendis min *Hèctor*, en la nova kaj luksa Kazana metropoliteno, kie la anoncoj estas en la tatara, rusa kaj angla (en Moskvo nur en la rusa). Unu el la haltejoj kondukas al la loka Kremlo, la historia fortikaĵo kiu tamen ne estas ruĝa kiel la Moskva, sed blanka.

En la bele restaŭrita citadelo oni konstruis grandan moskeon, kaj *Hèctor* proponis ĝin viziti. Mi akceptis iom perplekse, pensante pri la malbeleco de modernaj preĝejoj en okcidenta Eŭropo, sed sufiĉis rigardi de for por kompreni: la Kazana moskeo, konstruita danke al monkolektado inter la loĝantaro, al iom da instituci financado kaj al riĉa saud-arabia kontribuo, similas al la Istambula Sankta Sofio, laŭ tradicia islama arĥitekturo tamen ornamita per la rusaj pastelaj koloroj. Rezulto: eksterordinara monumento, kiu perfekte integriĝas en la historia konstruaĵaro de la Kremlo. Nekredeble, ke ĉe ni dekstr-ekstremistoj



**Kazano: *Daniele Vitali* antaŭ la stacidomo.**

volus malpermesi la konstruon de minaretoj sub la preteksto, ke ili malharmonias kun la eŭropa pejzaĝo! Ili devus rigardi la Kazanan moskeon dum nokta lumigo ekzemple el la tegmenta balkonego de hotelo *Marriott*, kaj tiam eĉ ili kapablus kompreni la estetikan diferencon inter io tia kaj la 9-etaĝaj aŭtoparkumejoj, kiuj ornamas niajn evoluintajn urbojn. Sed ni revenu al la tataroj...

*Hèctor* estas bona gvidisto kaj, ĉar kune ni konsistigis malgrandan **IKEL**-delegacion, li estis organizinta renkontiĝon en la universitato kun tatara profesoro, kiu ĝentile respondis niajn deman-dojn. Ni tiel sciiĝis ke, kvankam la tatara estas la dua plej parolata lingvo de la Federacio, tamen ankaŭ ĝi mal-progresas antaŭ la rusa, interalie pro malfavora politiko de la Moskvaj aŭtoritatoj. La tataroj, islamaj kaj fieraj pri sia historia pasinteco, kaj krome sidantaj sur nove malkovritaj petrolrezervoj, provas resti aŭtonomaj kaj klopodas subteni sian lingvon. Ĉi lasta estas kunoficiala kun la rusa en Tatario (52,9% de la respublikaj loĝantoj konsistas el tataroj, 39,5% el rusoj, kaj troviĝas eĉ 3,3% da ĉuvaŝoj), kaj oni parolas ĝin ankaŭ en aliaj lokoj de RF (ĉefe en la Respubliko Baŝkirio, aŭ *Baškortostan*: tie tataroj konsistigas 24,1% de la loĝantaro, dum baŝkiroj estas 29,8 kaj rusoj 36,3 laŭ la popolnombrado de 2002), sed la iniciatoj de la lokaj aŭtoritatoj ofte kolizias kun la vetooj de la centra povo. Ekzemple, antaŭ kelkaj jaroj (kiam la respublikaj prezidentoj ankoraŭ estis elektataj de la popolo), la loka povo decidis, ke por la tatara oni ne plu uzos la cirilan, sed la latinan alfabeton, kaj reage leĝo de *Duma*, la Moskva parlamento, enkondukis la devigon uzi la cirilan por ĉiuj rusiaj lingvoj. Tio ĉi blokis similajn iniciatojn en la resto de la landego, sed nur parte influis la tatarojn: en Kazano la stratnomaj tabuloj, ĉiam en la du lingvoj, uzas la cirilan por la tatara versio, sed la tabuloj muntitaj antaŭ la interveno de *Duma* restis en la latina alfabeto, kaj neniu ŝajnas hasti por ilin anstataŭi... Krom tiu ĉi lukto, ĉefe simbola, ekzistas ankaŭ tre seriozaj minacoj, kiel la Moskva decido trudi unusolan studprogramon en ĉiuj lernejoj de la Federacio: tio akcepteblas por matematiko, sed ni imagu, kio okazos kun historio, ekzemple kiam la tataridoj devos aŭskulti la laŭdojn pri Ivano la Terura, kiu finfine liberigis ĉiujn de la trijarcenta "tataro mongola jugo" (*tataromongol'skoe igo*, unu el la plej amataj formuloj de la rusa historiografio)...

## AL ĈUVAŜIO

Vespere ni supreniris en unu el la aŭtobusoj, interkonektantaj la diversajn ĉe-Volgajn respublikojn (estas multe da ili, danke al la relativa stagnado de privataj aŭtomobiloj) por iri al Ĉeboksaro/Ŝupaŝkaro




**Ŝupaŝkaro: tradicia arĥitekturo.**




**Ŝupaŝkaro: dulingva stratnomtabulo (unue ĉuvaŝe, poste ruse: *Lenin prospekčĕ / Prospekt Lenina*).**

(453 645 loĝantoj), ĉefurbo de la Ĉuvaŝa Respubliko (1 251 599 loĝ.). Ĝi nomiĝas ĉuvaŝe *Šupaškar* (sed -*p*- elparolendas -*b*- en intervokala pozicio) kaj ruse *Čeboksary*, kaj ankaŭ ĝi staras laŭ la bordoj de la granda rivero. La ĉuvaŝoj parolas tjurkan lingvon sed sekvas la kristan-ortodoksan religion, kiel la rusoj, kio igas ilin pli facile asimileblaj ol, ekzemple, la islamaj tataroj: kvankam ĉuvaŝoj ankoraŭ konsistigas 67,7% de la respublika loĝantaro (rusoj estas 26,5%, tataroj 2,8%, ktp), pli ol 15% da ili ne plu parolas la etnan lingvon kaj tiel multaj iam deklaros sin rusoj en la popolnombradoj. Estas interese, ke lingvo kaj aspekto ne nepre koincidas, pro la granda intermiksiĝo laŭlonge de historio kaj pro personaj vivoj: oni renkontas blondulojn, kiuj estas ĉuvaŝparolantoj kaj azi-ec-okulajn nigraharulojn, kiuj parolas nur ruse. Efektive, ĉar la rusa pli kaj pli uzatas inter ĉiuj popoloj de la Federacio kaj la homoj elmigras de la malriĉa periferio al la giganta ĉefurbo, hodiaŭ eĉ Moskvo havas konsiderindan parton de la loĝantaro, kiu parolas perfekte en la rusa sed aspektas oriente (tio ege malplaĉas al la lokaj ekstrem-dekstruloj kiel *Vladimir Žirinovskij*, ĉefo de la t.n. liberal-demokratia partio, tria en la lando post la *Edinaja Rossija* aŭ "Unueca Rusio" de *Putin* kaj *Medvedev*, kaj post la komunistoj). Sed ni revenu al la ĉuvaŝoj...

En la ĉuvaŝa kamparo oni ankoraŭ amase parolas la etnan lingvon sed, kiam la kamparanoj enurbiĝas kaj fariĝas man-laboristoj aŭ oficejaj dungitoj, ili instruas nur la rusan al siaj infanoj. Ankaŭ ĉi-kaze, tikla punkto estas la instrusistemo: en la provinco multaj lernejoj havas la ĉuvaŝan kiel instrulingvon, sed en la respublika ĉefurbo Ĉeboksaro la etna lingvo estas nur studobjekto dum malmultegaj horoj semajne – tro malmulte por ke la rusparolantoj povu lerni ĝin, kaj ankaŭ tro malmulte por ke la ĉuvaŝlingvaj infanoj ne kredu la ŝablonon laŭ kiu la ĉuvaŝa estas nur por geavoj kaj kamparanoj. Laŭ *Hèctor*, kiu laboras pri socilingviko, parolas ruse al sia infanoj eĉ instruistoj pri la ĉuvaŝa, kiuj lasis la kamparon por eklabori en Ĉeboksaro! Ankaŭ nia amiko *Aleksandr Blinov*, kiu translokiĝis al la urbo kun la familio kiam li estis 5-jaraĝa, travivis ĉi tiun abruptan lingvan ŝanĝon de la gepatroj, kaj rekomencis uzi la ĉuvaŝan kun ili nur post la kvardeka aĝo-jaro, kiam li decidis ankaŭ transdoni la lingvon al sia 11-jara filo (anstataŭ Esperanto, kiun li estis uzinta ĝis tiam).

Tio kompreneble ne signifas, ke la ĉuvaŝa estas tute fantoma: la urbaj strat-nomtabuloj estas dulingvaj, kaj same okazas kun la surbendigitaj anoncoj de la haltejaj nomoj en la aŭtobusoj kvankam, se estas la ŝoforo kiu parolas en la mikrofono, li tion faras nur ruse (eĉ se la aŭtobusaj ŝoforoj ĝenerale estas ĉuvaŝlingvanoj: jen la sekvoj de malalta socia prestiĝo!). Ekzistas eĉ Festo de la Ĉuvaŝa Lingvo organizata de la lokaj aŭtoritatoj, sed la aranĝo, kvankam laŭdinda, havas malpozitivajn efikojn: ĉar la ĉuvaŝa tiel havas



**Monumento al *Ivan Jakovlevič Jakovlev* (1848 - 1930), kreinto de la moderna norma ĉuvaŝa.**




**Ĉeboksaro: la Arbitracia Kortumo (supre en la rusa, malsupre en la ĉuvaŝa).**

oficialan rolon (kiun ni povus nomi "celebra" aŭ "simbola"), la plimulto de la loĝantaro ne perceptas ĝian daŭran malprogreson, kaj pli kaj pli preferas la rusan por la ĉiutaga vivo. Al tio oni devas aldoni la grandajn malfacilaĵojn renkontatajn de tiuj, kiuj volas fondi asocion en Rusio: estas amaso da burokratiaĵoj kaj financaj respondecoj, kaj tio klarigas la malmultecon de la demalsupraj iniciatoj por defendi kaj valorigadi la lingvon.

Feliĉe, estas ankaŭ kuraĝigaj signaloj, kiel la ekinstruado de la ĉuvaŝa lingvo en la ĉefurbo per la merga metodo en du klasoj de du lernejoj. Similaj spertoj inter la malplimultoj de okcidenta Eŭropo montras, ke ĉi tiu formulo estas bonega: ekzemple kelkmiloj da bretonaj infanoj lernas la bretonan kvazaŭ de-naskuloj en la *Diwan*-lernejoj (vidu rilatan artikolon en tiu ĉi numero, p. 17), krome ilia kapablo moviĝi inter du lingvoj ebligas al ili koni la francan pli bone ol la nur franclingvaj samaĝuloj! Saman fenomenon oni konstatis ĉe la infanoj de la eŭsklingvaj kaj galeg-lingvaj lernejoj en Hispanio.

**AL LA MAREA RESPUBLIKO**

En posta tago, alia aŭtobuso transportis nin al *Joŝkar-Ola* (248 688 loĝantoj), ĉefurbo de la Respubliko Mareio (696 357 loĝ., el kiuj 47,5% da daŭre plimultiĝantaj rusoj, 42,9% da daŭre mal-plimultiĝantaj mareoj, 6% da plimultiĝantaj tataroj kaj 1% da malplimultiĝantaj ĉuvaŝoj). La mareoj, popolo kun finn-ugra lingvo iam nomataj "ĉeremisoj", konsideratas "La lastaj paganoj de Eŭropo": fakte, se unuflanke en la Respubliko ankaŭ ekzistas la religioj ortodoksa kaj islama (kaj ne mankas certagrada sinkretismo), la tradicia kredo de la mareoj havas "nek pastrojn nek preĝejojn", kiel klarigis la direktoro de la Mareologia Instituto, sed nur sanktan arbaron, kie ili kune preĝas. Mi ne scias, kie troviĝas tiu mita loko, sed fakto estas, ke la respublika teritorio ankoraŭ grandparte kovratas de arbaroj, tiel ke la pejzaĝo pensigas pri la klasikaĵoj de la rusa literaturo.

Alia surprizo por mi estis la urba arĥitekturo: *Joŝkar-*



***Joŝkar-Ola*: la riverbordo de *Malaja Kokŝaga*, maldekstra Volg-enfluanto, kun novaj reprezentaj kaj administraj konstruaĵoj, kiuj pensigas pri Danio aŭ Platdiĉio.**



**Ankaŭ *Joŝkar-Ola* estas pastelkolora: jen konstruaĵo, kiu iom memorigas pri Italio.**

*Ola* estas pli malgranda, sed ŝajnas al mi, ke ĝi konstruadas por si turisman potencialon, kompareblan kun tiu de Kazano. Tamen, dum la ĉefurbo de la tataroj verŝajne altiros vizitantojn danke al siaj historiaj monumentoj, inter kiuj pluraj belegaj *art-nouveau*-konstruaĵoj (kiujn oni devus restaŭri, antaŭ ol ili terenfalos), la ĉefurbo de la mareoj povos prosperi danke al la genia ideo konstrui novajn objektojn laŭ la tradiciaj stiloj rusa kaj eŭropaj, kio igas la urbon tre karaktera kaj bunta, kvankam iom mikseca: dum en la postmilita periodo spekulacio en Bruselo detruis la grandburĝajn art-domojn por ilin anstataŭigi per malbelegaj beton-ŝtalaj skatoloj (kaj Luksemburgo faras la samon ankoraŭ nun), *Joŝkar-Ola* iĝas pli kaj pli pasteleca kaj interesa, danke al la plej strangaj konstruaĵoj, kiuj kolorigas la urbon kaj forgesigas pri la grizaj domaroj de la sovetia epoko. Nia ĉiĉerono en Mareio estis *Andrej Ĉemyŝev*, aktivulo de *Marij-Ėl*-Radio (www.mari-el-radio.ru), kiu ankaŭ kunlaboras pri la antaŭenigo de la marea kun la loka Mareologia Instituto, kien li nin gvidis. Danke al la teĥnikaj kapabloj de *Andrej*, eblis rapide skani malnovan plurvoluman vortaron de la marea lingvo, kiu transformiĝis al kompakta disko disponebla (kaj traserĉebla!) ankaŭ en Interreto (www.dict.marlamuter.ru). Bedaŭrinde, pliajn planojn por plividebligi la marean (kaj aliajn rusiajn lingvojn) en la granda reto, kaj sekve en la tuta mondo, malfaciligas la alfabeto: ankaŭ la marean, kiel la tataran kaj la ĉuvaŝan, oni skribas per la cirila alfabeto, sed kun kelkaj specialaj signoj, kiuj ne ekzistas en la rusa. Parto de tiuj specialaj signoj mankas ankaŭ en Unikodo, la sistemo kiu ebligas unuecigite skribi kaj legi lingvojn en ĉiuj komputiloj. Se por fari, ekzemple, propran dosieron jam ne estas problemoj, por disponigi ĝin al aliaj homoj ekstaras ĉiam malhelpoj kun la enkodigo. La mareoj jam skribis al la Ministerio pri Komunikado de Rusio, petante, ke ĝi prezentu la aferon al la monda Konsorcio de Unikodo, sed la ministerio rifuzis kaj eĉ deklaris, ke la klopodoj krei informadikajn sistemojn en la lingvoj de la rusiaj popoloj ekster la kadro de instruado povas kaŝi la riskon de ekstremismaj agoj (!). Kompreneble, **IKEL** jam pripensas kiel rekte prezenti la problemon al Unikodo...

## INTERNACIA LINGVA FESTIVALO

Reveninte al Ĉeboksaro, mi partoprenis en eksterordinara sperto, nome *Пěтěм тěнчери Чěлхе Фестивалě* en la ĉuvaŝa, *Международный Фестиваль Языков* en la rusa kaj *Internacia Lingva Festivalo* en Esperanto. La Festivalo, kreita antaŭ 16 jaroj de *Aleksandr Blinov* por promocii la ĉuvaŝan kaj la internacian lingvojn, intertempe okazas ankaŭ en aliaj rusiaj urboj (inkluzive de Moskvo), zorge de la




**Kanto kaj danco en ĉuvaŝa nacia kostumo, kun propono de pano kaj salo por bonvenigi la vizitantojn.**

lokaj esperantistoj. En Ĉuvaŝio ĝi estas grava kultura evento, kiu celas konatigi la respublikajn loĝantojn kun la lingva bunteco de la mondo, kaj tiucele kunlaboras kun pluraj lernejoj kaj kun la ĉefurba universitato.

Tiel, iun matenon per speciala aŭtobuseto mi veturis al la urbeto *Jadrin* (9.664 loĝ.), en la ĉuvaŝa kamparo, kune kun grupeto da eksterlandaj studentoj (nederlandano, grekino, germano kaj taĝikino - nin akompanis rusaj kaj ĉuvaŝaj studentoj). En loka lernejo, ĉiu el ni rotacie prezentis sian lingvon antaŭ 5 klasoj. Tiel, mi parolis 5-foje pri la itala (provizore rezigninte konatigi la lernantojn kun la bolonja): kiam vesperiĝis, mi sentis ioman kapdoloron, sed la sperto estis tre agrabla, danke al la varma akcepto de la lernejestrino, de la instruistoj kaj, ĉefe, de la ege aŭskultemaj gelernantoj. Oni povas imagi, kian entuziasmon levis en tia kadro la alveno de 5 eksterlandanoj, unu el kiuj eĉ scipovanta la rusan!

La postan tagon atendis min studentoj kaj profesoroj pri la ĉuvaŝa de unu el la Ĉeboksaraj universitatoj, al kiuj mi prezentis la italan sed ankaŭ la bolonjan dialekton, kaj aparte montris la fonologiajn, fonetikajn, morfologiajn, sintaksajn kaj vortarajn apartaĵojn, kiuj distingas la du. Multaj surprizite komentis pri la bolonja: *Это уже другой язык!* («Estas alia lingvo!»). Poste mi kuris al alia klaso, kie okazis lingva konkurso inter la studentoj partoprenantaj en la Festivalo: la eksterlanda teamo bone elturniĝis, respondante al preskaŭ ĉiuj demandoj pri diversaj lingvoj, sed fine gajnis unu el la du lokaj teamoj, kiuj pli bone komprenis, kio okazas. Mi estis unu el la tri ĵurianoj, kaj sen la utilega folieto kun la respondoj havintus kelkajn problemojn!

Poste komenciĝis, en modernega urba lernejo, mirinda du-taga maratono, dum kiu ĉiu prezentis sian lingvon al la aliaj. Kiam mi ne devis ilustri la italan kaj la bolonjan, mi diskuris tra la festivalejo por aŭskulti la ĉuvaŝan, la taĝikan kaj la jidan. Mi estus volonte daŭriginta (estis ankaŭ la azerbajĝana, la tuva, la bulgara, la fanga, la nederlanda, la rusa signolingvo kaj la flagolingvo...), sed alvenis la momento reiri al Bruselo, tra Kazano kaj Moskvo. El tiu vojaĝo mi revenis, krom kun multaj belaj memoraĵoj, ankaŭ kun serio da altvaloraj surbendigitaj specimenoj de la ĉuvaŝa lingvo (danke al la listo pacience kunmetita de *Hèctor* kaj de liaj ĉuvaŝaj informantoj): tiu materialo troviĝas nun en Venecio en la sekuraj manoj de la plej bona fonetikisto de la mondo, *Luciano Canepari*, kiu jam analizis ilin kaj produktis studon, kiu espereble povos utili ankaŭ al la klopodoj farataj de la ĉuvaŝaj aktivistoj por transdoni la lingvon al la novaj generacioj.

***DV***



**La lingva konkurso inter eksterlandaj kaj lokaj studentoj.**

Hèctor Alòs i Font

# "LONGE TIU SISTEMO NE ELTENOS"

## Intervjuo kun *Damir Isxakov*

La tataroj estas la plej multnombra rusia etno post la rusoj. Laŭ la ĝis nun aperintaj donitaĵoj de la popolnombrado de 2010 ili nombras 5,3 milionojn kaj 3,9% de la rusia loĝantaro, dum la tataran lingvon parolas 4,3 milionoj da rusianoj. Laŭ la popolnombrado de 2002, ili estis 5,6 milionoj kaj la lingvon regis 5,3 milionoj. La forto de la lingvo evidentiĝas el tio, ke, laŭ la pli detalaj informoj de 2002, 800 000 el la parolantoj de la tatara ne estas tataroj, kaj aparte notindas la 500 000 el la 1,7 milionoj da baŝkiroj scipovantaj la tataran. Laŭ la donitaĵoj de 2010, tataroj konsistigas 53,2% de la loĝantoj de la Tatara Respubliko, tamen nur 37,9% de la rusiaj tataroj loĝas tie: en naŭ pliaj regionoj de Rusio loĝas pli ol 100 000 tataroj, ĉefe en Volgio kaj Uralo. Aparte staras la miliono da tataroj el Baŝkirio, najbara al Tatario, kiuj preskaŭ samnombras kiel baŝkiroj (kaj laŭ la popolnombrado de 1989 supernombris ilin). En la plimulto de okazoj la bazon de tiu diasporo konsistigas tataraj komunumoj establitaj de jarcentoj, tamen la ekonomiaj ŝanĝoj dum la 20-a jc. ofte multobligis ilian nombron pro elmigrado de tataroj el la Tatara Respubliko. Rezulte de tio tataroj el Tatario estas aparte sentemaj kaj zorgemaj ne nur pri la defendo de siaj rajtoj, kulturo kaj lingvo en Tatario, sed ankaŭ de la tataraj komunumoj tra Rusio kaj ankaŭ eksterlande.
Por ekscii pri la situacio de la tatara lingvo, *Daniele Vitali* kaj *Hèctor Alòs i Font* intervjuis profesoron *Damir Isxakov* [isĥakov] la 17-an de oktobro en lia kabineto de la universitato de Kazano. Profesoro *Isxakov* estas historiisto kaj direktoro de la Centro pri Etnologia Monitorado, esplor-instituto de la Akademio de Sciencoj de *Tatario.*

**Profesoro *Isxakov*, ĉu vi povas skize prezenti la situacion de la tatara lingvo en la Tatara Respubliko?**
Ĉe ni estas multaj lingvaj problemoj. Ili aperis pro tio, ke en la lastaj jardekoj okazis forta migrado en la urbojn de la tataroj. Rezulte, nun plimulto de la tataroj loĝas en la urboj, same en Tatario kaj ekster ĝi. Kiam la tataroj urbaniĝis, tiam ekestis lingva problemo, kiu ne ekzistis kiam la loĝantaro vivis en malgrandaj unuetnaj vilaĝoj. Sed jam en la 1960-aj jaroj la tatarlingvajn lernejojn, ĉefe la urbajn, oni ekmalfermis. Pro tio kreskis praktike du generacioj, kiuj studis en ruslingvaj lernejoj, kaj la tatara forte perdis sian pozicion de gepatra lingvo. Ekde la fino de la 1980-aj jaroj oni provis revigligi la lingvon. Malfermiĝis granda kvanto da tatarlingvaj lernejoj, ankaŭ en la urboj. Ekzemple, en Kazano ekzistas 17 tataraj gimnazioj. Tamen pro tutrusia politiko, kiu unuigis la eduksistemon, t.e. likvidis la nacian aŭtonoman parton de la eduksistemo, kaj pro la decido, ke la ekzameno por akceptiĝi en la universitaton devas okazi nur en la rusa lingvo, la tatara lingvo, kiel multaj aliaj lingvoj en la Rusia Federacio, komencis denove perdi sian pozicion. La gepatroj volas, ke iliaj gefiloj plu studu, kaj por ilia celo la rusa lingvo estas pli necesa ol la gepatra Al tio aldoniĝis situacio pure demografia pro malalta naskokvanto. Nun ankaŭ en la vilaĝoj, oni havas, en la plej bonaj kazoj, du infanojn, kaj tio kreas sociajn problemojn. Pro tio en multaj vilaĝaj lernejoj ne sufiĉas la lernantoj kaj pro tio ili estis fermataj. En Tatario fermiĝis ĉirkaŭ 200 vilaĝaj lernejoj. Ekster Tatario la situacio estas eĉ pli malbona: kiam tie fermiĝas tatara lernejo, infanoj kutime transiras al ruslingva lernejo, ĉar rusaj vilaĝoj estas ekonomie pli prosperaj, aŭ tie lernejoj estas pli grandaj. Pro tio nun estas tre malfacile ekster Tatario konservi tatarlingvan eduksistemon.

**Pro tiuj demografiaj kaj politikaj problemoj, kiagrade la instruado en la tatara lingvo estas certigata?**
En Tatario ekestis nun la demando, ĉu konservi la tatarlingvan instruadon nur en la kvar jaroj de la elementa lernejo. Tamen en la soveta periodo ĉiam ekzistis plena lernejo en la tatara: kaj elementa kaj meza. Mi mem tie lernis. Ekzistis paralelaj ruslingvaj kaj tatarlingvaj lernejoj. Nuntempe nia ministerio pri edukado, kaj persone la ministro, forte subtenas la ideon, ke sufiĉas kvarjara elementlerneja instruado en la gepatra lingvo por konservi la lingvon. Tio estas stulta vidpunkto. Mi kredas, ke pri tiu afero okazos granda batalo, ĉar nun la intelektularo kaj parto de la politikistoj kontraŭstaras tiun tendencon. Tamen nuntempe mankas certeco pri la estonto de la tataraj lernejoj.

**Ĝis nun vi menciis nur la instruadon en la lernejoj. Kia estas la situacio en la universitatoj?**
En la 80-aj, 90-aj kaj ankaŭ en la 2000-aj jaroj eliris el la tataraj lernejoj granda tavolo da lernintoj, kiuj iel subtenis la lingvon, kaj por kiuj nun necesas doni al ili la eblon plue studi en ĝi, t.e. per supera edukado en la gepatra lingvo. Tamen ni ne sukcesis krei nacian universitaton, sed en multaj altlernejoj estas tataraj grupoj, kiuj lernas en la tatara aŭ kiuj lernas plurajn studobjektojn en ĝi. Ekzistas ĉe ni Konstrua Akademio, Agrikultura Akademio, estas tradukita granda nombro de universitaj lernolibroj por tiaj studobjektoj kiel matematiko kaj fiziko en la tataran lingvon. Lernolibroj ekzistas, kaj eblas studi en la gepatra lingvo. Tamen antaŭe ekzistis ia subteno en tiun direkton, sed tiu subteno estas tre malfacile kon-

krete realigebla, ĉar supera instruado ne dependas de Tatario, sed de la rusia ministerio pri edukado kaj scienco. Sekve ni rekte ne povas tie enmiksiĝi, kvankam tiuj instrucentroj situantaj en Tatario parte dependas de ni, ĉar ni provizas akvon, hejtadon, elektron, riparas la konstruaĵojn ktp.: Tial kelkajn aferojn ne eblas solvi. Sed ne ĉiujn, ĉar la universitatnivela instruprogramo estas plene kontrolata de Moskvo, do ni ne povas ĝin ŝanĝi.



Kazano: ĵus restaŭritaj konstruaĵoj apud aliaj, kiuj dispeciĝas.

**Tamen ĉu eblas studi en la tatara en superaj lernejoj?**
La rusia universitata instruado estas de komence orientita nur al unu lingvo, la rusa lingvo. En la leĝaro eĉ estas preskribite, ke la rusia ŝtato garantias la instruadon en la gepatra lingvo nur ĝis la fino de la lernejo. Tio ne inkludas universitatan instruadon. Pro tio instruado en la rusiaj lingvoj, krom la rusa, okazas ĝis la fino de la lernejo.

**Ĉu ekzistas diferenco en la scipovo de la rusa lingvo inter la lernintoj en la tatara kaj en la rusa?**
La tataraj infanoj finintaj la tataran lernejon la rusan scipovas ne malpli bone, ol tiuj finintaj la ruslingvan lernejon. Kaj la situacio en la ekzameno por eniri en la universitaton estas ĝuste tia, kaj eĉ la unuaj havas pli bonajn rezultojn ol la duaj. Ĉi tie staras neniuj problemoj. Tamen estis provo fare de la rusiaj instruorganoj aserti, ke la tatara lernejo vekas separismon. Ekzistas publikigitaj sociologiaj esploroj, kiuj montras, ke tataraj infanoj finintaj tataran lernejon iras en la armeon pli, ol tiuj finintaj ruslingvan lernejon. Do, por tiel diri, ili servas la landon en pli alta grado.

**Kiuj estas laŭ vi la plej aktualaj problemoj de la nacia instruado?**
Nuntempe la t.n. regionan komponanton de instruado oni likvidis kaj aperis la problemoj pri la lernolibroj. Ĉe ni estis kursoj pri nacia historio en la lernejo (mi mem estas aŭtoro de lernolibro por la 10-a kurso pri historio de la tataroj) kaj la enhavon de tiu kurso ni mem diktis. Nun Moskvo decidis, ke ĉiuj lernolibroj devas trapasi kontrolon tie, por forigi tiujn punktojn, kiuj ne estas laŭaj al la rusia pozicio. Tiel do praktike ne eblas enkonduki lernolibrojn en la lernejojn, ĉar inter rusaj kaj tataraj lernolibroj ekzistas malkonsento pri diversaj aferoj, ekzemple pri la Ora Ordo, la Kazana Ĥanejo. Ankaŭ la soveta revolucio kaj la naciaj movadoj en Sovetio estas traktataj laŭ malsama vidpunkto. Pro tiuj kontraŭdiroj mi kredas, ke povas aperi problemoj. Ĝis nun ĝi ne leviĝis, sed estonte tio povas okazi, ĉar sen la sigelo de la moskva ministerio pri edukado tiujn librojn ne eblas uzi en la lernejo kiel lernolibrojn. Tiam staras la varianto de interreto. En la plej malbona okazo, ni publikigos niajn lernolibrojn en interreto kaj la lernantoj povos legi ilin.

**Revenante al la afero de lingvoelekto, se la infanoj en tatarlingvaj lernejoj havas pli altajn rezultojn en la rusa, kial la gepatroj timas, ke ili riskas ne sukcesi la ruslingvan ekzamenon por eniri en la universitaton, kaj elektas por ili ruslingvajn lernejojn?**
Unuflanke, ekzistas deziro ĉe la gepatroj, ke iliaj infanoj lernu pli en la rusa, ĉar ili kredas, ke tio estos bona por la estonto de iliaj gefiloj, ĉefe por eniri en la universitaton. Kaj ili kredas, ke instruado en la rusa donas pli altan scion de ĝi. Tiu ĉi sinteno troviĝas ĉefe ekster Tatario, kaj tie ĝi estas tre forta. Interne de Tatario ekzistas ankaŭ tiu situacio, ĉefe en la urboj kaj regionaj centroj, ke gepatroj deziras, ke instruado okazu en la rusa, tamen ili vere deziras, ke la tataran lingvon oni instruu. Nun aperas alia problemo. Antaŭe la tataran lingvon oni instruis al ĉiuj lernantoj, ĉu tataraj, ĉu rusaj. Tamen nun rusaj gepatroj kontraŭstaris kaj deklaris, ke instruado de la tatara malhelpas la rajton de iliaj infanoj ricevi edukadon en la rusa lingvo, ĉar la instruado de la tatara forprenas kelkajn horojn en la semajno, en kiuj la infanoj povus lerni aliajn objektojn en la rusa. Tamen la konstitucia tribunalo verdiktis, ke, ĉar en Tatario estas du oficialaj lingvoj, ni rajtas instrui ambaŭ lingvojn en la lernejoj. Sekve de tio, la situacio ĉi-flanke normaliĝis, tamen staras la fakto, ke la postuloj por la rusa kaj la tatara en la lernejoj estas malsamaj. Do, eble necesos fari aliajn lernoprogramojn aŭ enkonduki aliajn instrumetojn por la tatara en la ruslingvajn lernejojn. Sed nuntempe oni ne diskutas pri la forigo de la instruado de la tatara en la ruslingvaj lernejoj. Mi kredas, ke tio restos.

**Ĉu la tatara registaro iel agas, por ke la tatara lingvo iom post iom plialtigu sian ekonomian valoron, ekzemple postulante ĝian scion akiri postenojn en la respublika administracio?**
En la leĝaro de Tatario io tia tute ne ekzistas. La sola escepto estas la salajroj de la instruistoj de la tatara lingvo. La instruistoj de la tatara, ankaŭ en la rusaj

lernejoj, ricevas 15% pli altajn salajrojn ol la aliaj. Tio kaŭzas nekontenton ĉe la aliaj, sed tiel estas preskribite. En aliaj sferoj, tio ne ekzistas. Tamen en kelkaj ministerioj, kie laboras multaj tataroj, labori sen la scio de la tatara lingvo montriĝas malfacile. La tataroj inter si uzas la tataran kaj kompreno de la tatara ekzistas aŭ oni komencas lerni la tataran. Sed tio ne okazas en aliaj sferoj.

**Kiel statas nun la familia transdono de la lingvo, ĉefe en la urboj?**
En la vilaĝoj estas neniu problemoj: tie ĉiuj estas tataroj kaj parolas tatare. En la urboj la situacio estas pli malbona. Kiel mi diris, kelkajn generaciojn oni instruis en la rusa, kaj la lingvo ĉesis esti uzata en familioj. En la duono de la urbaj familioj, la familiaj lingvoj estas du: la tatara kaj la rusa. En ĉirkaŭ triono dominas la rusa kun la infanoj. Sed nun ekzistas konscio pri la lingvo kaj multaj ruslingvaj gepatroj deziras, ke iliaj infanoj lernu la tataran, ke oni uzu la tataran en la infanĝardenoj, ke nepre oni instruu la tataran en la lernejoj. Nun okazas paradoksa situacio, ke malgrandaj infanoj nun scias pli bone la tataran ol siaj gepatroj. Tion sociologiaj esploroj montras. Mi kredas, ke tio sentiĝos, kiam la infanoj kreskos. Entute, por havi ĝeneralan bildon, 80% de la tataroj deziras, ke la tatara estu funkcianta lingvo, ke la rusan oni ne perdu, sed ke la infanoj scipovu la tataran kaj povu uzi ĝin.

**Kaj kia estas la situacio en la interetnaj paroj? Ĉu ĉiu uzas sian lingvon kun la infanoj?**
Okazis malkresko de la kvanto de interetnaj paroj ekde la fino de la 80aj jaroj. Pli-malpli la paroj elektas unu aŭ la alian lingvon duone-duone. Ĝenerale, se la viro estas tatara, tiam la tatara dominas, sed estas ankaŭ aliaj faktoroj, kiuj rolas. Ekzistas fakuloj en la universitato, kiuj aparte studas tiun temon.

**Kia estas la situacio en Baŝkirio, ĉar ankaŭ tie loĝas granda nombro de tataroj, kaj la rilatoj inter tataroj kaj baŝkiroj streĉiĝis?**
La situacio en Baŝkirio estas pli malfacila. Tie triono de la loĝantaro estas tatarlingva, ĉar krom la tataroj, ankaŭ signifa parto de la baŝkiroj estas trilingva. Tio okazas, ĉar en la okcidenta Baŝkirio en tataraj regionoj kaj en la ĉefurbo Ufa, tre oftas miks-etnaj paroj inter baŝkiroj kaj ta-taroj. Esploro de 1986 montris, ke triono de la baŝkiroj — triono!— vivis en miksetnaj tataraj-baŝkiraj familioj. Praktike tiuj du nacioj tie estas tiel integritaj unu en la alia, ke ne eblas distingi unu de la alia, ne eblas kompreni, kiu estas kio. Kaj tre ofte la etnecon oni elektas laŭ la situacio. Sed en okcidenta Baŝkirio superregas la tatara lingvo. Kaj kiam Baŝkirio komencis enkonduki sian lingvopolitikon, komence de la 2000-aj jaroj, oni provis enkonduki la baŝkiran kiel oficialan lingvon eĉ en tiujn regionojn, en kiuj dominis tataroj. Tio starigis tre grandan problemon. En multaj tataraj lernejoj, aparte tie, kie multas miksitaj vilaĝoj kun la tataraj kaj baŝkiraj lingvoj, oni enkondukis la baŝkiran anstataŭ la tatara.Tio kompreneble vekis malkontenton de la loĝantaro. Tiam multaj tataraj lernejoj preferis transiri al la rusa, por ke oni ne devigu ilin instrui en la baŝkira. Ni tiam perdis multajn lernejojn pro tio. Nun, laŭ tio, kion mi aŭdis, Baŝkirio provas ellabori novan lingvopolitikon, sed la plej grava problemo montriĝas la deviga instruado de la baŝkira lingvo. Kontraŭ ĝi staris tataroj kaj rusoj, tiel ke baŝkiroj fariĝis malplimulto. Laŭ mia opinio, estonte la devigan instruadon de la baŝkira lingvo oni forigos por la ne-baŝkira loĝantaro. Tio ja estas malfacila afero kaj oni provas trovi kompromisan varianton, sed mi kredas, ke veni al kompromiso malfacilos. De la flanko de tataroj, tio verŝajne eblos, sed la rilatoj inter baŝkiroj kaj tataroj multe malboniĝis, kaj necesas reglatigi ilin. Ekzemple, en la tatarajn lernejojn eblas enkonduki specialajn klasojn por komparo de la du lingvoj, ĉar ambaŭ lingvoj tiel similas, ke tataroj komprenas la baŝkiran sen speciala preparo: tio ne estas problemo. Sed pro konflikto estas malfacile instrui al tataroj la baŝkiran devige. Pro tio lingva politiko en tiu regiono verŝajne estos diversa al tiu de la cetera Baŝkirio kaj de la politika vidpunkto tio estas malfacila demando. Mi ne kredas, ke okazos tumultoj, tamen tataroj atente sekvos ĉion, kio okazos.


**Kazano: Kremlo kaj moskeo kontraŭ oktobra pluvoza ĉielo.**

**En kelkaj vortoj, kio estas via prognozo pri la estonto?**
Entute ekzistas ne tre favora fono por la disvolvigo de la gepatraj lingvoj. La tutrusia politiko transiris al centralizado, interalie en la sfero de instruado. Laŭ mia opinio, tio vekas malkontenton ĉe ĉiuj nacioj, kaj longe tiu sistemo ne eltenos. ***HAiF***

Hèctor Alòs i Font

# REVIGLIĜO EN MAREIO

## Intervjuo kun *Andrej Čeməšev*

La mareoj estas unu el la popoloj de centra Volgio. La marea lingvo, el la finn-ugra lingvogrupo, havas du ĉefajn dialektojn, kun la respektivaj normaj skribaj formoj, kiujn la rusiaj statistikoj taksas apartaj lingvoj: la orientan aŭ herbejan (je la maldekstra bordo de Volgo) kaj la okcidentan, aŭ montaran (ĉefe je la dekstra). Plej ofte la parolantoj de la dua dialekto (malpli ol 10% de la tuto) sentas sin aparta etno, dum inverse, ĉe la parolantoj de la unua, tio ne okazas.
Laŭ la popolnombrado de 2010, 550 000 homoj deklaris sin mareoj (24 000 el ili — montaraj mareoj); la orientan marean deklaris paroli 365 000, dum la montaran — 23 000. Kontraste, laŭ la donitaĵoj de 2002, estis 600 000 homoj (56 000 el ili montaraj mareoj), kaj la orientan marean deklaris paroli 450 000, dum la montaran — 37 000. Laŭ la donitaĵoj de 2010, mareoj konsistigas 43,9% de la loĝantoj de la Marea Respubliko kaj estas supernombritaj de la rusoj, tamen nur 53,1% de la mareoj loĝas tie. Ekster Mareio, mareoj estas aparte multaj en Baŝkirio, kie ili nombras pli ol 100 000.
Por ekscii pri la situacio de la marea lingvo, *Daniele Vitali* kaj *Hèctor Alòs i Font* intervjuis *Andrej Čeməšev* [ĉemiŝev] la 19-an de oktobro en lia laborĉambro de *Mari El Radio* de *Joškar-Ola*. *Andrej Čeməšev* estas ĵurnalisto kaj aktivulo por la marea lingvo, ĉefe pri ĝia disvastigo en komputiko kaj interreto.



***Joškar-Ola*: rusa tradicia arĥitekturo sed tute nova, eĉ ankoraŭ konstruata.**

**Ĉu eblas studi per la marea en la urbo?**
Jes. Unue ĉe ni, en *Joškar-Ola*, en unu infanĝardeno nur la marea estas uzata. La instruistoj parolas nur maree kaj la infanoj surmetas la marean nacian kostumon. La vico por eniri tiujn infanĝardenojn tre longas kaj en aliaj infanĝardenoj oni diskutas, ĉu krei mareajn grupojn. Certe, *Joškar-Ola* multajn jarojn antaŭe estis rusa urbo. Ĝi estis konstruita post la konkero de Kazano fare de la trupoj de Ivano la Terura kiel sekuriga fortikaĵo. Mareoj batalis je la flanko de la ĥano. Post la falo de Kazano mareoj plu militis 30 jarojn kontraŭ Rusio. Oni malpermesis al mareoj, post la konstruo de la fortikaĵo, proksimiĝi al ĝi je malpli ol 5 kilometroj. Ĝi estis nomita *Carevokokšajsk* (laŭ la rivero *Izi Kakšan*, kiel ĉe multaj rusaj urbonomoj finiĝantaj per -sk). Post la revolucio oni ŝanĝis la nomon de la urbo al *Krasnokakšajsk* (Ruĝa *Kakšajsk*) kaj poste al *Joškar-Ola*, kiu el la marea eblas traduki per "ruĝa urbo" aŭ "bela urbo". Ekde tiam la marea loĝantaro de la urbo kreskas kaj nuntempe 30% de la urbanoj estas mareoj. Se konsideri, ke la urbo havas 260 000 loĝantoj, ĉirkaŭ 80 000 mareoj loĝas tie ĉi.

**Kio okazas kun la mareoj alvenintaj en la urbon? Ĉu ili parolas al la infanoj ruse aŭ maree?**
Estas tiu problemo. Kelkaj mareaj gepatroj ne instruas al siaj gefiloj la marean lingvon. Sed nun fariĝis mode, ke la infanoj sciu la marean, kaj multaj gepatroj emas al tio. Krome oni donas al la infanoj mareajn nomojn, kiuj estis forgesitaj. Tio fariĝis tre moda nun: infanoj ofte ne havas rusajn nomojn kiel ni, sed mareajn. Bedaŭrinde pri procentoj mi ne povas diri, kiom lernas la marean hejme kaj kiom ne. Ankaŭ estas kazoj de gepatroj, parolantaj unu en la rusa kaj la alia en la marea al la infano. Tiel la infanoj disvolvas du lingvojn.

**Kio pri la instruado de la marea?**
Ekzistas du tipoj de instruado. Unu kiel gepatra lingvo (por marelingvanoj), kaj alia kiel oficiala lingvo (por la aliaj). Kompreneble la instruado de la marea al marelingvaj infanoj estas pli sukcesa. En *Šernur* (9 000 loĝ., 90 km NO de *Joškar-Ola*) ekzistas liceo kun pli intensiva instruado de la marea ekde la 1-a ĝis la 11-a klaso. la instruado de la marea. La direktoro de tiu liceo celas prepari la estontajn mareajn filologojn, lingvistojn, literaturistojn kaj kadrojn.

**Ĉu temas pri la sola loko, kie eblas lerni en la marea ĝis la lasta klaso? Ĉu tio ankaŭ eblas ĉi tie, en la ĉefurbo?**
Ne, tio okazas en multaj lokoj, sed ne ĉie. En *Joškar-Ola* estas unu gimnazio, kie oni instruas en la marea.

**Ĉu la instruado okazas nur en la marea aŭ ĉu ekzistas studobjektoj en la rusa?**
Jes, la instruado estas dulingva. Fakte ĉi-jare oni malfermis ankaŭ klason — 25 lernantoj —, kie la instruado okazas en la tatara. Ekzistas ankaŭ alia gimnazio, muzikfaka, en kiu okazas instruado en la marea. Krom tio en internulejo por infanoj el vilaĝoj, de la 1-a ĝis la 11-a klaso, la instruado okazas ankaŭ en la marea. Tie oni preparas pentristojn, komponistojn k.a.

**Ĉu studobjektojn kiel matematikon kaj fizikon oni instruas en la marea?**
Ne, ankoraŭ ne. Kiam mi estis infano, en la vilaĝo, studobjektojn kiel matematikon, geometrion, fizikon ni lernis en la marea. Sed ĉio ĉi disfalis. Oni komencis sin demandi "kiel eblas lerni tiajn aferojn kiel matematikon en la marea?" Pro tio ni antaŭ nelonge komencis fari dek vortarojn pri geografio, matematiko, fiziko, kemio, zoologio en la marea. Mi partoprenis en tiu pri komputiko. Kiam infanoj komprenas, ke en la marea eblas klarigi terminojn fizikajn, kemiajn, la rigardo al la lingvo ŝanĝiĝas. Simple oni forgesis tiujn aferojn! Kaj lernolibroj ekzistis: en la 20-aj kaj 30-aj jaroj estis pimpaj lernolibroj pri diversaj fakoj en la marea. Kiam ni kreis tiujn vortarojn — ne tiun pri komputiko! — la plimulton de la terminoj ni plukis el la malnovaj antaŭmilitaj lernolibroj por infanoj. Pri geometrio, ekzemple, triangulo estis: *umluk,* laŭvorte *um* — tri, *luk* — angulo; ĉio klaras. La terminoj ekzistas, necesas nur kolekti ilin. Antaŭ 5-6 jaroj, fine de la 90-aj kaj komence de la 2000-aj jaroj, la situacio estis tute alia. Ni komencis pli bone kompreni kaj nun provas restarigi, restaŭri, revigligi ĉion malnovan. Estas ia pliboniĝo. En la 90-aj jaroj oni ĉion forgesis, la marea praktike estis ne-necesa.

**Interese, ĉu tiel en la 90-aj jaroj, kiam ĉio bolis ĉie en Rusio?**
Nu, certe, sed tio pasis. Ĉio restis en la vortoj, en la paroladoj, sed pri fundamentaj decidoj neniu okupiĝis. Ĉio estis formala: multaj mitingoj, ĉiam kontraŭstare. Pri esencaj aferoj nur nun ni komencas okupiĝi. Ekzemple ni estas tre ĝojaj, ke la Marea Scienc-Esplora Instituto celas malfermi, je la 1-a de januaro, departementon, kiu okupiĝos pri komputikaj lingvorimedoj kaj komputika lingvistiko: elektronikaj vortaroj, literumiloj ktp. Oni komprenis, ke sen tio oni iras nenien.
Ankaŭ kiam oni malfermis *Marij Ėl*-Radio la 1-an de julio 2005, tio estis ankaŭ granda salto por la popularigo de la lingvo. Kiam ni komencis, ĉe ni estis 200 kantoj. Ne pli estis surbendigitaj en la marea! En kvin jaroj jam ekzistas 3000. Ĉiuj komencis urĝe verki. Eblo diskonigi ekzistas, radio ekzistas, do kantoj komencas aperi.


El Vikipedio. Aŭtoro: Alkort.
**Festo de la urbo en *Joškar-Ola* la 8-an de aŭgusto 2009**.

**Kiaj kantoj aperis? Ekzemple ĉu folkloraj, ĉu kant-aŭtoraj, rokenrolaj...?**
Ĉio ekzistas! Ankaŭ diskoteka muziko surbaze de marea popola muziko, metalroko, punk-roko. Ankaŭ en la montara marea estas radio, kiu elsendas du horojn tage el *Cikmä*. Ni helpis starigi la radion tie.

**Fakte ĉu la montara kaj la herbeja mareaj estas interkompreneblaj?**
En la komenco ne, sed oni alkutimiĝas. Ni preskaŭ dum 500 jaroj ne interkontaktis. Ni, herbejaj mareoj staris je la flanko de la ĥano kaj ili je la flanko de Rusio. Ni taksis ilin perfiduloj, kaj ili nin malamikoj, kaj la lingvo evoluis dise dum 500 jaroj preskaŭ sen kontakto pro tio.

**Ĉu eblas profesiiĝi per kantado en la marea?**
Iuj povas. Komence tio neeblis. Malfacilas por etaj popoloj. Tamen iuj sukcesas.

**Ĉu vere nur en la marea?**
Nu, ekzemple *Stanislav Šokirov* kantas nur en la marea, tio estas principa afero, kaj li estas profesiulo. Se tataroj petas, ke li kantu tatare, li havas paron da kantoj en la tatara.

**Ĉu marea kantisto povas esti populara inter tataroj kaj tataro inter mareoj?**
Certe! En mia kolekto estas 6 000 tataraj kantoj.

**Krom via agado en la radio, vi aktivas por la kreado de elektronikaj rimedoj por la marea lingvo kaj vi estas unu el la ĉefaj organizantoj de konferenco por evoluigi tiajn rimedojn en la lingvoj de Rusio. Tamen la rezolucio de la konferenco vekis surprizan reagon de Moskvo. Ĉu vi povas klarigi?**
Jes, en marto okazis ĉe ni konferenco pri “lingvoj de minoritatoj en komputikaj teknologioj: spertoj, celoj kaj perspektivoj” sub la aŭspicio de la Konsilio de Eŭropo kaj de la rusia ministerio pri regiona disvolvado. Venis fakuloj laborantaj pri deko da lingvoj de Rusio kaj ankaŭ eksterlandanoj. La konferenco pretigis rezolucion, en kiu ĝi i.a. petis al la rusiaj aŭtoritatoj, ke ili agu tiamaniere, ke Unikodo akceptu la signojn necesajn por ĉiuj lingvoj de Rusio. [La Rusia Federacio kreis tiparojn enhavantajn la literojn necesajn por ĉirkaŭ tridek rusiaj lingvoj, oficialaj je regiona nivelo, sed ŝajne ne internacie normigis la uzitajn kodojn ĉe la Unikoda Konsorcio.] Kiel vi diris, la rezolucio ĵus ricevis surprize akran reagon de la moskva ministerio, kiu kunfinancis ĝin. Rigardu, kion ĝi diras:
«[...] Necesas aldoni, ke la kreado de informaj rimedoj en Interreto en la diversaj lingvoj de la popoloj de la Rusia Federacio, se tiuj rimedoj ne estas instrucelaj, enhavas la danĝeron de izoliĝo de la popoloj de la Rusia Federacio kaj povas esti uzata por la kreado de retejoj kun ekstremismaj tendencoj».

**Do ŝajne ĉiuj retejoj de Rusio devos transiri al la angla, ĉar ankaŭ la rusa estas lingvo de popolo de la Rusia Federacio, kaj sekve enhavas la danĝeron de izoliĝo kaj ekstremiĝo. Ni promesas, ke nia asocio, IKEL, klopodos, por alvenigi vian peton al la Unikoda Konsorcio kaj por diskonigi tiun ja ekstremisman pozicion de la rusia ministerio pri regiona disvolvado.**
[En novembro la opozicia partio Justa Rusio starigis peton al la ministro en la rusia parlamento, por ke li klarigu la signifon de tiu letero de lia vicministro.]

***HAiF***

Por la tuta artikolaro fotis *Daniele Vitali.*



***Joškar-Ola*: *Hèctor Alòs i Font* konatiĝas kun la papera sliparo de la Mareologia Instituto, iam ciferigota. Maldekstre, *Andrej Čemyšev*.**

Hèctor Alòs i Font

# SURPRIZAJ NOMBROJ PRI ETNOJ KAJ LINGVOJ EN RUSIO

Meze de decembro 2011 aperis en la retejo de la rusia statistika servo provizoraj rezultoj de la popolnombrado de 2010 pri la etna konsisto kaj scipovo de lingvoj (1). Tiuj rezultoj montras surprizajn diferencojn kun la antaŭa popolnombrado de 2002 (2).

## LAŬ NACIECA POPOLNOMBRADO

Laŭ la tradicio de la sovetaj tempoj, Rusio konservas en siaj popolnombradoj la koncepton de memdeklarita "nacieco". La rusiaj aŭtoritatoj, same la centraj kiel tiuj de la diversaj regionoj, aparte atentas tiun datumon, eĉ pli ol la rezultojn pri lingvoj. Ekzemple, en la publikigitaj informoj de 2002, aperis multe pli da tabeloj pri nacieco ol pri lingvoregado. Krom tio ofte regionaj aŭtoritatoj tuj antaŭ la popolnombrado lanĉas kampanjojn, por ke homoj deklaru sin membroj de la "teritoria nacieco" Ekzistas ankaŭ iuj plendoj pri provoj de la enketistoj influi la respondojn dum la datumkolektado kaj eĉ pri posta mismanipulado de la respondoj (ĉi-lasta agado estis kutima dum la soveta epoko). La fakto estas, ke, se oni rigardas la provizorajn rezultojn de 2010 pri nacieco kaj komparas ilin kun tiuj de 2002 (tabelo 1), aperas diversaj suspektindaj drastaj faloj: ekzemple

**TABELO 1**

**RUSIAJ NACIECOJ KUN PLI OL 200 000 HOMOJ EN 2010**

| | 2010 | 2002 | DIFERENCO |
|---|---|---|---|
| **LOĜANTARO** | 142 856 536 | 145 166 731 | -1,6% |
| Loĝantaro deklarinta naciecon | 137 227 107 | 143 705 980 | - 4,5% |
| Rusoj | 111 016 896 | 115 889 107 | -4,2%5 |
| Tataroj | 5 310 649 | 5 554 601 | -4,4% |
| Ukrainoj | 1 927 988 | 2 942 961 | -34,5% |
| Baŝkiroj | 1 584 554 | 1 673 389 | -5,3% |
| Ĉuvaŝoj | 1 435 872 | 1 637 094 | -12,3% |
| Ĉeĉenoj/Noĥĉoj | 1 431 360 | 1 360 253 | +5,2% |
| Armenoj | 1 182 388 | 1 130 491 | +4,6% |
| Avaroj | 912 090 | 814 473 | +12,0% |
| Mordvoj | 744 237 | 843 350 | -11,8% |
| Kazakoj | 647 732 | 653 962 | -1,0% |
| Azeroj | 603 070 | 621 840 | -3,0% |
| Dargvoj | 589 386 | 510 156 | +15,5% |
| Udmurtoj | 552 299 | 636 906 | -13,3% |
| Mareoj | 547 605 | 604 298 | -9,4% |
| Osetoj | 528 515 | 514 875 | +2,6% |
| Belorusoj | 521 443 | 807 970 | -35,5% |
| Kabardoj | 516 826 | 519 958 | -0,6% |
| Kumukoj | 503 060 | 422 409 | +19,1% |
| Saĥoj/Jakutoj | 478 085 | 443 852 | +7,7% |
| Lezgoj | 473 722 | 411 535 | +15,1% |
| Burjadoj | 461 389 | 445 175 | +3,6% |
| Inguŝoj | 444 833 | 413 016 | +7,7% |
| Germanoj | 394 138 | 597 212 | -34,0% |
| Uzbekoj | 289 862 | 122 916 | 135,8% |
| Tuvoj | 263 934 | 243 442 | +8,4% |
| Komeoj | 228 235 | 293 406 | -22,2% |
| Karaĉajoj | 218 403 | 192 182 | +13,6% |
| Romaoj | 204 958 | 182 766 | +12,1% |
| Taĝikoj | 200 303 | 120 136 | +66,7% |

tiuj de la komeoj (-22%), udmurtoj (-13%), ĉuvaŝoj (-12%) kaj mordvoj (-12%). Temas pri kvantoj nete pli malaltaj ol la malkresko de la loĝantaro aŭ de la nombro de homoj deklarintaj naciecon. Ankaŭ ne temas pri popoloj, kiuj forte elmigris, kiel germanoj aŭ judoj (dum male okazis pri ekz. uzbekoj kaj taĝikoj, kiuj pro ekonomiaj kialoj migris el siaj originaj sendependaj ŝtatoj).
Pli atenta rigardo de la aperintaj donitaĵoj laŭ regionoj montras, ke estas fortaj diferencoj en la proporcio de la faloj en la ĉeflokoj de la koncernaj popoloj kaj ekster ili: tataroj ekzemple iom kreskis en Tatario (0,6%), sed forte malkreskis ekster ĝi (-7,2%); ĉuvaŝoj malkreskis en Ĉuvaŝio (-8,4%), sed multe pli ekstere (-16,9%). La ekzisto de tiaj diferencoj estas komprenebla, tamen surprizas la drasteco de la faloj de, ekzemple, ĉuvaŝoj en regionoj kun tradicia kaj multnombra komunumo, kiel en *Samara* (-17%) kaj *Uljanovsk* (-15%).

**TABELO 2**

**SCIPOVO DE LINGVOJ, KROM LA RUSA. LINGVOJ KUN PLI OL 300 000 PAROLANTOJ en 2002**

| | 2010 | 2002 | DIFERENCO |
|---|---:|---:|---:|
| angla | 7 574 303 | 6 955 315 | +8,9% |
| tatara | 4 280 718 | 5 347 706 | -20.0% |
| germana | 2 069 949 | 2 895 147 | -28,5% |
| ukraina | 1 129 838 | 1 815 210 | -37,8% |
| baŝkira | 1 152 404 | 1 379 727 | -16,5% |
| ĉeĉena/noĥĉa | 1 354 705 | 1 331 844 | +1,7% |
| ĉuvaŝa | 1 042 989 | 1 325 382 | -21,3% |
| avara | 715 297 | 784 840 | -8,9% |
| armena | 660 935 | 904 892 | -27,0% |
| franca | 616 394 | 705 217 | -12,6% |
| azera | 473 044 | 669 757 | -29,4% |
| mordva | 431 692 | 614 260 | -29,7% |
| kabarda-ĉerkesa | 515 672 | 587 547 | -12,2% |
| kazaka | 401 455 | 563 749 | -28,8% |
| darga | 485 705 | 503 523 | -3,5% |
| oseta | 451 431 | 493 610 | -8,5% |
| udmurta | 324 338 | 463 837 | -30,1% |
| kumuka | 426 212 | 458 121 | -7,0% |
| saĥa/jakuta | 450 140 | 456 288 | -1,3% |
| orient-marea | 365 316 | 451 033 | -19.0% |
| inguŝa | 305 868 | 405 343 | -24,5% |
| lezga | 402 173 | 397 310 | +1,2% |
| burjada | 218 557 | 368 807 | -40,7% |
| belorusa | 173 980 | 316 890 | -45,1% |
| karaĉaja-balkara | 305 364 | 302 748 | +0,9% |

**LAŬ LINGVA POPOLNOMBRADO**

La informoj pri la lingvoj montriĝas pli ŝokaj. Mirigas la disfalo de multaj lingvoj (tabelo 2), kiel la burjada (-41%), udmurta (-30%), mordova (-30%), inguŝa (-24,5%), ĉuvaŝa (-21 %), tatara (-20%), orient-marea (-19%), baŝkira (-16,5%). En neniu el tiuj okazoj la falegon kaŭzis amasaj elmigradoj eksterlanden. Se konsideri ĝustaj la donitaĵojn de la popolnombradoj de 2002 kaj 2010, tiuj ciferoj montrus lingvojn kun tre aĝiĝintaj parolantaroj, praktike plene perdintaj la familian lingvotransdonon de du generacioj. Ne estas scio pri tiel ekstrema situacio en tiuj lingvoj, kvankam ili ja ĉiuj spertas problemojn, foje sufiĉe gravajn.

La kontrasto montras, ke ekzistas fortaj malkongruoj inter ambaŭ popolnombradoj. Tio ne signifas, ke nepre tiu de 2010 estis malbone farita: eblas ke la eraroj okazis en 2002, kaj eblas ankaŭ ke ambaŭ popolnombradoj havas gravajn erarojn. La detaligo de la informoj laŭ aĝoj kaj laŭ teritorioj devus permesi pli bone kompreni la fonton kaj eble la amplekson de la eraroj. ***HAiF***

Notoj:
(1)
http://www.gks.ru/free_doc/new_site/perepis2010/perepis_itogi1612.htm
(2) http://www.perepis2002.ru/index.html?id=17.

Daniel Houguet kaj Nicole Margot

# BRETONAJ LERNEJOJ

### *DIWAN*

En 1977, inspiritaj de la aliaj lernejoj proponantaj instruadon de minoritataj lingvoj en Francio, same kiel la kalandretoj por la okcitana, la *Bressola* por la kataluna aŭ la *ikastolak* por la eŭska, bretonaj gepatroj kreis asocian kaj nereligian lernejaron en Bretonio por instrui siajn infanojn en la bretona lingvo. Ili nomis tiujn lernejojn -*Diwan*- (-ĝermo- en la bretona).




**Bretonio, okcidenta regiono de Francio.**

### DE 5 ĜIS 3 361 LERNANTOJ

La unua klaso de la antaŭdeviga lernejo malfermiĝis en la municipo *Lambaol-Gwitalmeze* (*Lampaul-Ploudalmézeau*), departemento *Penn-ar-Bed* (*Finistère*), kun nur 5 lernantoj. Kaj en septembro 2010 oni povis nombri 37 lernejojn antaŭdevigajn kaj elementajn. Nur en la departemento *Penn-ar-Bed* (*Finistère*) oni trovas 20 lernejojn, 7 en la departementoj *Mor-Bihan* (*Morbihan*) kaj *Aodoù-an-Arvor* (*Côtes d'Armor*), 4 en (*Loire-Atlantique*) kaj 2 en *Il-ha-Gwilen* (*Ille-et-Vilaine*), plus unu en Parizo. 6 mezlernejoj kaj 1 liceo ebligas daŭrigadon de la studado. Ili nun grupigas entute 3 361 studentojn.

### NE NUR *DIWAN*

Paralele al la *Diwan*-instruado la bretona lingvo estas ankaŭ instruata en la publikaj lernejoj kaj en privataj katolikaj lernejoj.

***DIV YEZH***: Asocio de Gepatroj de Lernantoj por Instruado de la Bretona (*Association de Parents d'Elèves pour l'Enseignement du Breton*, APEEB) kreiĝis en 1979. En 1990 ĝi ŝanĝis sian nomon al *Div Yezh*-gepatra asocio. *Div Yezh* (du Lingvoj) sukcesis krei du-lingvajn klasojn (france-bretone) en la publikaj lernejoj. Je la komenco de la lernojaro 2011 oni nombris en tiuj dulingvaj klasoj 5 919 lernantojn de la antaŭ-elementaj lernejoj ĝis la liceoj.

***DIHUN***: Alia asocio, *Dihun*, fondiĝis en 1990. Ĝi kreis dulingvajn klasojn en privata katolika lernejaro.

En la komenco de la jaro 2011 ĝi instruis al 4 682 lernantoj.

Entute 14 082 infanoj ricevas bretonan instruadon en tri filioj (*Diwan*, publika instruada kaj katolika privata).

### INTER PRIVATECO KAJ PUBLIKECO

Plurfoje oni provis integri la *Diwan*-lernejojn en la publikan instruadon.

En 1981 *François Mitterrand* (la tiama francia prezidento) proponis "grandan publikan servon, unuecigitan kaj laikan, de la Nacia Edukado", kiu devus akcepti ĉiujn lernejajn establojn kaj ĉiujn dungitojn. Tio ebligus integron de la *Diwan*-lernejoj en la publikan instruadon. Sed tiu projekto estis forlasita.

Ekde 1983 la *Diwan*-asocio ricevas ŝtatajn subvenciojn. En 1986 kontrakto kun la ministerio de la Nacia Edukado estis subskribita por integri 31 instruistojn en la Publikan Edukadon. Sed jam la postan jaron ĝi estis kontestita. En 1988 kontrakto precizigis la funkciadon de la *Diwan*-lernejoj kun financa partoprenado de la ŝtato kaj de la lokaj kolektivumoj por pagi la salajron de 10 instruistoj. En 1990 tiu subteno altiĝis al 51,5 postenoj. En 1993 9 instruistoj estis titoligitaj.

La 28-an de majo 2001 *Jack Lang*, ministro de la Nacia Edukado kaj *Andrew Lincoln,* prezidanto de la *Diwan*-asocio subskribis en *Rennes* protokolon pri transiro de la *Diwan*-lernejoj al publika statuso, malgraŭ la opozicio de la Supera Konsilantaro pri Nacia Edukado. Tiu akordo estis nuligita de la instruistaj sindikatoj, kiuj petis, ke la Ŝtata Konsilantaro decidu. Tiu lasta malakceptis la integron de la *Diwan*-lernejoj ĉar la instrua merglingva metodo estas kontraŭ la leĝoj kaj la francia konstitucio, kiu deklaras, ekde la ratifo de la *Maastricht*-traktato, ke "la lingvo de la respubliko estas la franca". Tamen dulingva instruado estas akceptita kaze, ke la divido de la instruhoroj inter la franca kaj la "regiona" lingvo estu klare difinita kaj egalkvanta.

### DU STARPUNKTOJ

Meze de la organizantoj de la *Diwan*-lernejoj malkonsento ekzistas inter la subtenantoj de la inte-

gro de la *Diwan*-lernejoj en la publikan sektoron, kaj la aliaj, kiuj preferas konservi la asocian statuson privatan. La integro estis defendita de *Andrew Lincoln*, kiu prezidis la asocion ekde 1997. La konflikto kondukis en 2002 al la demisio de la Administra Konsilantaro prezidata de *Andrew Lincoln*. La politiko de *Andrew Lincoln* estis tre kritikata kaj *Michel Le Tallec*, kontraŭstaranto de la antaŭa teamo, reprenis la *Diwan*-prezidon kaj proponis mezan solvon, tio estas duon-publikan statuson, kondiĉe ke la financantoj estu integritaj en la administran konsilantaron de la asocio kaj konsentu pri ĝia pedagogia ĉarto. En 2009 3 kunprezidantoj estis nomumitaj: *Serge Guégo*, *Françoise-Gaël Rios* kaj *Catherine Guérin*.




**La 5 bretonaj departementoj.**

**NUNTEMPA SITUACIO**

Nun la *Diwan*-lernejoj estas organizataj en federiĝo de asociaj lernejoj kaj plej multaj el ili estas privataj lernejoj sub kontrakto (*établissements privés sous contrat*). Tiu helpo konkrete havas du formojn: salajrojn de parto de la instruistoj pagataj de la ŝtato kaj subvenciojn de la municipoj kaj regionoj. Sed tiuj helpoj povas esti ricevataj nur post kvin jaroj da tutprivata funkciado.

**LINGVOMERGA INSTRUADO**

Instruado per lingva mergado signifas, ke la lernanto praktikas nur unu lingvon por faciligi la lernadon, kaj por ke ĝi fariĝu viva lingvo. Praktike la unuaj lernejaj jaroj, ekde la dua jariĝo, okazas nur en la bretona. Poste la instruo de la franca iom post iom eniras sed la bretona restas la ĉefa lingvo.

En la kolegio (mezlernejo) kaj en la liceo du trionoj de la instruado okazas en la bretona kaj la tria estas dediĉita al franca kaj al la angla, kiu fariĝas la instrulingvo por la naturaj sciencoj, laŭ la modelo de la eŭropaj klasoj.

La *Diwan*-lernejoj respektas la diversecon de la dialektoj kaj forte kontraŭstaras lingvan unuecigon. Ĝi kunlaborigas lokajn bretonparolantojn.

**PEDAGOGIA MATERIALO**

Je la kreo de *Diwan* neniu bretonlingva lernolibro ekzistis. Tial la gepatroj kaj *Diwan*-instruistoj kreis komisionojn por traduki aŭ redakti la necesajn lernejajn librojn.

Diversaj fakaj leksikoj estis realigitaj: pri arto, sporto, gramatiko, historio-geografio-ekonomio, literaturo, matematiko kaj fizikaj sciencoj, same kiel sliparo koncerne astoronomion, biologion kaj geologion, informatikon, Interreton, fizikon kaj kemion estis konstituitaj en 1985. pedagogia publikado ricevis la sumon de 800 000 frankoj (120 000 eŭroj) kaj la laboro de la esploristoj por realigi la leksikojn (10 000 “normigitaj” vortoj) estas taksita je 160 000 eŭroj.

En 1993, *Ti embann ar skoliou* (TES) estis kreita kadre de la CRDP (*Centre Régional de Documentation Pédagogique*) fare de la Akademia Rektoro de *Rennes* kaj de la Bretonia Regiono. TES eldonas la bretonlingvajn lernolibrojn por la publika instruado, la privata katolika instruado kaj por *Diwan.*

Laŭ tutŝtataj taksoj la *Diwan*-lernantoj de la elementa lernejo havas pli bonan rezulton en la franca kaj en la angla lingvoj ol la averaĝo de la naciaj lernejoj.

***DH kaj NM***

**KONKLUDO**

Sume oni do nombras 14 082 gejunulojn, kiuj lernas kaj praktikas la bretonan.

Asocioj organizas bretonajn staĝojn por plenkreskuloj. Ankaŭ ekzistas maloftaj bretonaj elsendoj sur la franca publika televido.

Ĉu tio sufiĉos por savi la bretonan lingvon, solan kontinentan keltan lingvon, kiu estis la kelta lingvo la plej parolata en la mondo en 1960?

Estos tre malfacile, ĉar, kontraŭe al aliaj eŭropaj ŝtatoj, la etnocentrisma franca ŝtato ne ratifis la **Eŭropan Ĉarton por Regionaj kaj Minoritataj,** do fakte ĝi ne agnoskas la malplimultajn lingvojn sur sia teritorio.

Tial la bretonaj elsendoj sur la publika televido pli kaj pli maloftiĝas: la franca ŝtato donas malpli kaj malpli da subvencioj. Nur du horojn en la bretona oni povas spekti sur la publika televido en Francio, kiam en aliaj landoj publikaj televidoj elsendas senhalte en iuj malplimultaj lingvoj.

Krome, en la Regiona Konsilio de la Renna administra regiono, la opozicio (Verduloj kaj Unuiĝo Demokrata Bretona) kritikis la socialistan plimulton pro ĝia malkuraĝa politiko pri la bretona lingvo. Ĉu tiuj bretonaj socialistoj ne volas malplaĉi al sia pariza stabo? ***DH***

Alain Favre

# KAZAMANCO: FORGESITA SED SENFINA KONFLIKTO




Tre malmulte, en Eŭropo sed ankaŭ Afriko kaj tiom pli aliloke, oni povas legi pri tiu konflikto, kiu plagas la vivon de Senegalo jam almenaŭ tridek jarojn. Kompreneble la radikoj de tiu batalo por sendependeco aŭ almenaŭ forta aŭtonomio havas multe pli forajn, ankaŭ etnajn radikojn.

Tiu konflikto tute ne ŝajnas alproksimiĝi al iu ajn solvo: la fino de la jaro 2011 estis eventoplena, kun sufiĉe multaj viktimoj eĉ en la senegala armeo. Prikomerca kunveno, kiu ĵus okazis en *Ziguinchor*, la kazamanca ĉefurbo, bedaŭris la neeblon investi en tiu alloga regiono – kiu fakte konsistas nun el tri administraj regionoj, tiu pli interna de *Kolda*, tiu meza de *Sédhiou* kaj, proksime al la oceano, tiu de *Ziguinchor* (ofte nomataj respektive alta, meza kaj malalta Kazamanco).

### UNUAJ EVENTOJ – KAJ JUNAĜAJ TRAVIVAĴOJ

En la fora jaro 1980 mi loĝis kaj laboris en Senegalo, plejofte en Dakaro, el kie la suda regiono ŝajnas tre malproksima, pli malpli flankenmetita de la "ĉef-lando". Sufiĉas ĵeti okulojn al mapo por kompreni parton de la kialo: kvankam en teritoria kontinueco kun la resto de Senegalo, Kazamanco ja situas tute sude, fortranĉita de la nordo per Gambio, stranga lando enklavita en Senagalo – krom laŭ sia nelonga oceana flanko, ĉe la elfluejo de la samnoma rivero. Kaj la ĵus menciita kontinueco estas malfortigita de la relativa izoliteco de *Tambacounda* kaj entute de la orienta regiono; de tie ekzistas nur ne tre bona vojo por aŭtomobila trafiko, eĉ ne fervojo.

En majo 1980 mi alvenis ĝuste el *Tambacounda*, kaj enirante Kazamancon min surprizis la verdeco de ties pejzaĝoj; dum la resto de la lando, stepa, vepreja, foje pli malpli dezerta, ankoraŭ estis en la seka sezono, mi povis vidi arde laborantajn terkultivistojn, bazarojn plenplenajn de fruktoj, tre grandajn arbojn kun abunda foliaro (mangujojn, bombakojn…) meze de vilaĝoj. La homoj ŝajnis pli feliĉaj, pli kvietaj ol en Dakaro; foje infaneto petis de mi moneron, sed redonis pli etajn por la sama valoro; fakte neniu almozpetis. *Ziguinchor* ŝajnis al mi preskaŭ paradiza urbo, kun belegaj domoj "kolonistilaj"; mi meditis dumlonge sur pontono borde de rivero Kazamanco, sub la flugoj de pelikanoj, spektante la multajn diversspecajn boatojn. Jen paca haveno, mi pensis, ankoraŭ ne sciante, kio okazis nur kelkajn monatojn antaŭe.

Kiel multaj turistoj – kiuj fakte tre malmultis en tiu sezono – mi poste iris al *Cap Skirring*, borde de la oceano, pere de *taxi-brousse* (kolektiva interurba taksio), kiu foje devis transiri riverbrakon sur ŝnurprameto kaj trairi ĉiamverdajn arbarojn (inter la plej nordaj en tropika Afriko) liniatajn de mangrovoj ĉe la fino. Alveninte en la fama feria urbeto, preskaŭ dezerta, mi trovis etan, tre simplan hotelon mastrumatan de du knaboj same junaj kiel mi. Post banado en la oceano – mi estis tute sola sur belega strando kun kokospalmoj kaj robinsona kabano – kies loĝanton, laŭdire junan francon, mi ne vidis – mi revenis por manĝi kun miaj du gastoj. Ni estis nur triope en la hotelo; unu el la junuloj estis *mandingue*, la alia *balante*. Ili tuj parolis pri la lastmonataj eventoj: ribelo de la gimnazianoj de *Ziguinchor*, kiuj fuĝigis sian nord-devenan direktoron (li ja venis el *Saint-Louis*), mortigo de unu lernanto far policanoj, manifestacioj kun perfortadoj kaj gravaj damaĝoj en la sama urbo. Kaj, en *Cap Skirring* mem, la feriejo *Club Méditerranée* estis grandparte bruldetruita - tion mi povis konstati la sekvan tagon tra iom difektita




palisaro. Miaj kunuloj rekte akuzis membrojn de la etno *diola*, tutcerte la plej multenombra en malalta Kazamanco, pri sendependismaj manovroj, kiujn ili mem malaprobis. Dum ni manĝis subite eksplodis la sono de tamtamoj; miaj kunuloj tuj ĉesis paroli kaj ne provis kaŝi sian timon. Ni ja sentis nin tute izolitaj en la peza, profunda afrika nokto, for de ĉia helpo. Sed poste mi iris sen tro da pripensado al mia tre eta, senfenestra, terbatitgrunda ĉambro. Fine de seneventa, plendorma nokto mi reveturis al *Ziguinchor* kaj atingis Dakaron post multe pli timigaj aventuroj en Gambio kaj ties ĉefurbo Banĵulo, tutcerte en tiu tempo – kaj eble ankoraŭ nun - unu el la plej danĝeraj havenurboj de Afriko.

Reveninte hejmen (en Dakaro) mi tamen miris, kiom malmulte oni scias pri la gravaj eventoj okazintaj en la sudo de la lando. Sed la gazetaro kaj aliaj amaskomunikiloj ja estis plejparte en la fera mano de la registaro – tiutempe ankoraŭ estrata de la tre prestiĝa *Léopold Sédar Senghor* (1906-2001), ne nur prezidento ekde la sendependiĝo de la lando (1960) sed ankaŭ unu el la plej grandaj poetoj de Franclingvio, entute homo tre ŝatata de la francia politika klaso, dekstra kaj maldekstra.

## ĴOLOJ KAJ KAZAMANCO

Ekde nun mi transskribas per "ĵolo" la vorton, kiu en multaj aliaj lingvoj skribiĝas *diola* aŭ *joola* kaj proksimaj variantoj, eble nur por alvenigi pliajn leterojn kaj mesaĝojn al nia redakcio. Kiel multaj aliaj etnoj, kiuj nun vivas en okcidenta Afriko, la ĵoloj devenas de pli orientaj regionoj – verŝajne la Nila valo – kaj establiĝis sur sia nuna loko pro la forta premo de la *Malinké*, kun kiuj ili iom miksiĝis. Ili kreis reĝlandojn, dividiĝis en diversajn grupojn kun foje ne facile interkompreneblaj dialektoj. Plej interese, ili tute rifuzis sklavigon, tiun fikomercon, kiu tiom prosperis dum jarcentoj en multaj partoj de Afriko. Ĉar ni ne forgesu, ke sklavigo eblis ĉefe pro tio, ke la lokaj reĝoj aŭ ĉefoj tion permesis kaj per tio ne nur pliriĉiĝis sed entute firmigis sian povon. Ekde longe ĵoloj havas famon de fieraj, ne submetiĝemaj homoj. Ankaŭ religie ili estas apartaj: ja multaj estas islamanoj – la plejofta religio en tiu parto de Afriko – sed konsiderinda proporcio ĉu konservis la praan animismon, ĉu estas kristanoj, ĉefe katolikoj.

Entute ĵoloj estas sufiĉe multenombraj, ĉirkaŭ tri milionoj: 1,2 milionoj vivas en Senegalo, tio estas (ĉefe malalta kaj meza) Kazamanco, samnombre oni trovas ilin tute apude en Gambio (eks-brita teritorio) kaj 0,8 el ili vivas pli sude sed same proksime en Gvineo-Bisaŭo, longe estrata de Portugalio. En Afriko la etna solidareco restas multe pli forta ol la ŝtata aparteno. Pluraj aliaj etnoj de la sama regiono, al kiuj ni jam aludis, troviĝas en la tri landoj. Kaj, kompreneble, ŝtatoj emas uzis etnajn apartenojn kaj solidarojn en siaj landlimaj – kaj ankaŭ pli gravaj – kvereloj.

La nomo *Casamança* estis donita al tiu rivero (kaj regiono) de portugalaj navigistoj meze de la dek-kvina jarcento. Du-cent jarojn poste (1645) estis fondita la urbo *Ziguinchor*, same de portugaloj. Tamen francoj, jam establitaj pli norde, interalie en *Saint-Louis*, la Verda Kabo kaj *Joal*, interesiĝis pri tiu verda regiono. Dum la deknaŭa jarcento ili ĉu aĉetis, ĉu konkeris vilaĝojn kaj etajn urbojn. En 1886 la urbo *Ziguinchor* estis donita al Francio kadre de konvencio kun Portugalio. Sed la francoj devis ankaŭ lukti kontraŭ la marabuto *Fodé Kaba*, el *mandingue*


Vikimedio: Aŭtoro *Olivier Epron*, julio 2008.

**Kazamanco: Infano kaj viro uzas la tradician ĵolan plugilon antaŭ la riza semado.**

deveno, por fariĝi la novaj estroj de Kazamanco, fine de la jarcento. Kaj tiu "konkero" neniam estis vere firma. En 1905 estis definita sude la landlimo kun la tiam nomata portugala Gvineo. Komence de la unua mondmilito, multaj junaj kazamancanoj devis batali por Francio sed en 1917 la rekrutado ĉesis pro rifuzo de la loĝantoj militservi.


El Vikimedio. Aŭtoro: *Olivier Epron,* julio 2008

**Kazamanco: ĵolo fiŝkaptanta per reto ĉemare.**

### KERNA EPOKO: LA FINO DE KOLONIISMO KAJ UNUAJ JAROJ DE (SENEGALA) SENDEPENDO

Dum zenitis la kolonia periodo la aferoj ne tiom facile disvolviĝis por la francoj en Kazamanco: ĉefe la ĵoloj ofte ribelis, rifuzis pagi impostojn, aldone aperis strangaj mistikaj homoj, kiuj almenaŭ malrekte instigis al ribelo. Nelonge post la dua mondmilito (1947) estis fondita *Mouvement des forces démocratiques de Casamance* (Movado de la demokrataj fortoj de Kazamanco) – MFDC – inter kies unuaj gvidantoj estis *Emile Badiane* (1915-1972), katolika ĵolo el *Sédhiou*, kiu poste fariĝos ministro de *L. Senghor* ĝis sia abrupta morto. Sed ŝajnas, ke jam en tiu postmilita tempo MFDC ricevis promesojn de la onta "prezidento-poeto" pri la ebleco de sendependiĝo de Kazamanco. Samaj promesoj estis faritaj de la sama homo en la momento de la iom komplika sendependiĝo de Senegalo (unue en Federacio de Malio, kiu tre rapide disiĝis en Senegalo kaj Malio – ĉio tio dum la somero 1960). Sed la ruza *Senghor* diris, ke oni devas atendi dudek jarojn, kiam la situacio de la lando estos pli klara kaj stabiligita, por ke tiu promeso pri sendependiĝo de Kazamanco povu efektiviĝi.

Oni do ne tro miru, ke ĝuste en 1980 la "obstinaj" ĵoloj vekiĝis, eĉ se temis pri gimnazianoj, kiuj ankoraŭ ne estis naskitaj en tiu jaro 1960 eble glora por Senegalo sed iom amara (kaj tute ne memorfestinda) por multaj kazamancanoj.

Dum tiu dudeko da jaroj disvolviĝis la kultivado de rizo en Kazamanco, kun la helpo de ĉinaj fakuloj, sed la centra registaro altrudis ankaŭ tiun de arakido, pli adaptitan al la sahela parto de Senegalo ol al Kazamanco. Kaj en multaj sektoroj la decidantoj fariĝis "norduloj", tial la kazamancanoj kaj ĉefe la fieraj ĵoloj sentis sin flankenmetitaj, se ne subigitaj.

En 1974, post jaroj da gerilo kaj konsekvence de la "revolucio de diantoj" en Portugalio, Gvineo-Bisaŭo sendependiĝis; tio donis ne nur ideojn al kazamancanoj, sed ankaŭ armilojn, kiuj facile transiris la landlimon por alveni en la manoj de kelkaj "ĵolaj fratoj" – tiom pli, ke iuj el ili partoprenis en la liberiga milito de la gvineanoj.

### TRIDEK JAROJ DA "EVENTOJ"

Antaŭ ol disvolvi resuman kronologion de tiu konflikto – en ĝia ĝisnuna gerila formo – ni ja devas precizigi la kadron. Ni ĵus parolis pri Gvineo-Bisaŭo: komence de sia sendependa periodo ĝi estis estrata de *Luis Cabral*, duonfrato de la prestiĝa kontraŭ-koloniista kaj marksista *Amilcar Cabral*, sed en 1980 okazis armea ŝtatrenverso, kiu enpovigis *João Bernardo Vieira*, poste plurfoje renversitan aŭ nereelektitan, tamen denove prezidento de 2005 ĝis


El Vikimedio. Aŭtoro: *Geertivp*,10.07.2011

**"*Kumpo*", "*Samay*" kaj "*Niasse*" estas tri mitologiaj estuloj de la ĵola kulturo en Kazamanco.**

lia murdo en 2009 en rilato kun tre malklara afero de narkoŝakrado. Entute jen tre malstabila lando, eĉ narkolando laŭ multaj observantoj. Oni tuj komprenas, kiom tia situacio povas helpi al gerilo en apuda lando, kie la etnoj estas pli malpli la samaj.
Norde estas Gambio, al kiu ni jam plurfoje aludis. Ekde ĝia sendependiĝo de Britio en 1965 estis nur du prezidentoj, unue *Dawda Jawara*, kiu estis renversita en 1994 de la ĝisnuna prezidento, *Yahya Jammeh*, lunatika homo kun foje danĝeraj ideoj, sed kiu estis demokrate (?) reelektita plurfoje, lastokaze en novembro 2011. Verdire la gambia politika vivo estas aparte vigla kaj eventoplena. Parolante en Banĵulo kun junaj studentoj mi miris, kiom revoluciemaj kaj radikalaj ili estas. Tre ofte okazas puĉoj, sed la senegala armeo – neoficiale helpata de francaj trupoj bazataj en Dakaro (pri tio mi povas atesti) – reenpovigas la gambian reĝimon tiom longe, kiom ĝi povas esti utila. Ja la eta Gambio grandparte dependas de la ĉirkaŭanta Senegalo; inter 1982 kaj 1989 eĉ ekzistis Konfederacio de Senegambio, malfondita de Senegalo oficiale pro nesufiĉa konverĝo de la interesoj de la du landoj. Tamen la rilatoj restas entute bonaj, kio ne malhelpas, ke foje kazamancaj aktivuloj kaj gerilanoj trovas rifuĝon kaj subtenon en Gambio

Sed kio pri Senegalo mem? Post du plenaj jardekoj da prezidenteco *Léopold Sédar Senghor* demisiis; *Abdou Diouf* (nask. 1935, islamano el la nordo), delonge ĉefministro, iĝis prezidento (1981). Li heredis entute ne facilan situacion, interalie en Kazamanco, kie la konflikto pli kaj pli akriĝis. Kaj li devis fronti alian *Senghor*, antaŭnome *Augustin Diamacoune* (1928-2007), katolika abato, ĉefgvidanto de la jam citita MFDC, kiu iĝis aperte






**Abato *Augustin Diamacoune*.**

sendependisma organizo. La 23-an de decembro 1982 la "abato *Diamacoune*" estis arestita kun sia asistanto kaj sendita al Dakara karcero. Tri tagojn poste organiziĝis en *Ziguinchor* grandega sed paca manifestacio kun dekmiloj da partoprenantoj. La senegala armeo pafis, mortigis verŝajne plurajn dekojn da homoj kaj arestis multajn, kiuj estis plejofte torturitaj. Unu jaron poste alia giganta manifestacio same finiĝis en sango, sed ĉi-foje ankaŭ ĝendarmoj mortis. La rebato estis terura, kun ankoraŭ pli da arestoj kaj torturoj. En 1984 MFDC akceptis militan sekcion (ATIKA), kiu organizis gerilon; la registaro sendis armean guberniestron al *Ziguinchor*, decidis, ke oni ne plu devas uzi la regionan nomon *Casamance* kaj dividis ties teritorion en du regionojn (*Ziguinchor* kaj *Kolda*, al kiuj aldoniĝos *Sédhiou* en 2008).
Fine de la okdekaj jaroj la konflikto plu akriĝis, la registaro foje organizis militajn atakojn al la ribeluloj (kun malofta sukceso kaj ofta venĝo al civiluloj), foje provis indulgi kaj ekzemple liberigi karcerulojn. Denove libera en 1988, la abato *Diamacoune* estis duafoje arestita en 1990 sed ne porlonge. Porpacaj diskutoj okazis kaj en 1991 unua pafado-halto estis subskribita en Bisaŭo.
La postaj jaroj vidis reeksplodon de la konflikto. MFDC provis diskonigi internacie siajn postulojn, sed malfacilis, interalie Francio subtenis la registaron de Senegalo (samtempe akceptante ekzilitajn ribelu-

lojn). Ankaŭ okazis kvereloj kaj disiĝoj ene de MFDC, fenomeno, kiu daŭras ĝis nun. Teruraj konsekvencoj de la konflikto estas la uzo de minoj, kiuj plagas multajn vilaĝojn de Kazamanco, kaj ankaŭ la fuĝo de miloj da civiluloj al aliaj landoj, ĉefe Gambio kaj Gvineo-Bisaŭo. Vilaĝanoj kaj turistoj estis mortigitaj, oni ofte ne scias precize de kiuj.
Tamen, fine de 1999, nova pafadohalto estis subskribita, ĉi-foje en Banĵulo.
En 2000, la novelektita senegala prezidento *Abdoulaye Wade* (nask. 1926) promesis solvi "en cent tagoj" la konflikton de Kazamanco. La diskutoj daŭris tamen plurajn jarojn kaj en 2004 "ĝenerala akordo pri paco" estis subskribita en *Ziguinchor* inter *Augustin Diamacoune Senghor* (estro de MFDC) kaj *Ousmane Ngom* (ministro por internaj aferoj de Senegalo). Tiu akordo antaŭvidas civilan reintegradon de la ribeluloj, nur politikan agadon por MFDC, senminigon de la teritorio kaj entute ekonomian rekonstruon de Kazamanco, agnoskita kiel "natura regiono".
En 2006 malsaniĝis la jam olda abato *Diamacoune* (li mortis la postan jaron en Parizo) kaj disdividoj denove akriĝis ene de MFDC. Pluraj armitaj grupoj restis en makiso, pretaj rifuĝi ĉu en Gambio, ĉu en Gvineo-Bisaŭo. Denove pafatakoj okazis ie kaj tie. Interalie, en oktobro 2009, ses senegalaj armeanoj estis mortigitaj apud la suda landlimo. En novembro 2011 dek civiluloj estis mortigitaj kaj en decembro, nova granda ofensivo de la senegala armeo ŝajne fiaskis: laŭ diversaj fontoj dektri soldatoj estis mortigitaj kaj kvin kaptitaj de la ribeluloj de MFDC, kiuj petas tujan retiriĝon de la ŝtataj trupoj.



El Vikimedio. Aŭtoro: *Ji-Elle*, 14.01.2008
**Kazamanco, *Oussouye*: Surmura atentigo al lernantoj pri kontraŭpersonaj minoj.**

## MANKO DE PERSPEKTIVOJ

Ŝajnas do, ke oni revenas al la plej mallumaj horoj de la konflikto. Iuj akuzas la nefidemon de MFDC, ĉefe pro ties internaj konfliktoj kaj disdividoj aŭ, kiel ne malofte en Afriko, pro la facileco, kiam oni havas armilojn, terorizi la loĝantaron kaj ĝin prirabadi, iĝi "militestroj", kiuj apenaŭ agnoskas la politikan povon de sia mentoro: ekzilita en Parizo, la sepdekdujara *Mamadou Nkrumah Sané* ja ne facile rilatas kun la lokaj batalantoj nek bone kontrolas ilin: kiun prezon aljuĝi al eventuala akordo, kiun li subskribus? Sed ankaŭ la senegala registaro kulpas: delonge ĝi kredas, ke ĝi estas la pli forta, ke ĝi devige finfine gajnos, ankaŭ eventuale per aĉeto aŭ korupto de gravaj ribelestroj. Sed ĉu tiu ŝtato mem ne troviĝas en danĝera situacio? Dum tiu jaro 2011 multiĝis la konfliktoj, okazis interalie gigantaj manifestacioj en Dakaro mem kontraŭ la prezidento *Wade*, kiu, okdekkvinjara, volas rekandidatiĝi komence de 2012 kaj provis altrudi sian filon kiel ĉefministron kaj posteulon.
Longe konsiderata kiel unu el la malmulte demokrataj ŝtatoj de Afriko, unue pro la supozata saĝeco de la "prezidento-poeto" kaj poste pro la lojaleco de *Abdou Diouf*, kiu plene akceptis sian malvenkon en 2000 (li estas ekde 2002 ĝenerala sekretario de la Internacia Organizo de Franclingvio), Senegalo povus baldaŭ fali en neregebla tumulto, ankaŭ pro la influo de la "araba printempo". Tutcerte la batalantoj de MFDC tion bone perceptas, kaj oni povos atendi multigon de la militaj agoj, kio siavice havos konsekvencojn sur la ĝenerala vivo de la kazamancanoj. Daŭra aspekto de la konflikto estas la fakto, ke la ĵoloj estas multe pli suspektataj kaj eĉ arestataj ol la membroj de aliaj etnoj: ja MFDC estas



El Vikimedio, *WEF*-arkivoj.
***Abdoulaye Wade*, prezidento de Senegalo dum *World Economic Forum* (Tutmonda Ekonomia Forumo) en *Davos*, Svislando, 30.01.2009.**

plurgenta, sed oni plu konsideras, ke la kerno de la ribelo devenas de tiuj fieraj homoj; do sufiĉus ilin neŭtraligi por solvi la problemon. Jen iom simpla konsidero pri problemo, kiun de la komenco, eĉ antaŭ la sendependiĝo de Senegalo, oni rifuzis fronti.

## Nacia himno de Kazamanco (laŭ MFDC)

| | |
|---|---|
| *Oh Casamance, mon beau pays* | Ho Kazamanco, mia bela lando, |
| *Lieu de mon enfance* | Loko de mia infanaĝo, |
| *Du bonheur, des chansons et des rires.* | De feliĉo, kanzonoj kaj ridoj. |
| *Ta souvenance* | Cia memoro |
| *Laisse à ma dolence* | Lasas al mia plendemo |
| *Un peu d'espérance.* | Iom da espero. |
| *Hélas! sur cette terre* | Ve ! sur tiu ĉi tero |
| *Où je suis exilé,* | Kie mi estas ekzilita, |
| *Mon âme est solitaire* | Mia animo estas soleca |
| *Et mon coeur désolé:* | Kaj mia koro afliktita : |
| *J'attends chaque jour* | Ĉiutage mi atendas |
| *Le moment du retour.* | La momenton de reveno. |
| *Finis chants d'allégresse,* | Finitaj la ĝojkantoj, |
| *Finis les clairs matins,* | Finitaj la helaj matenoj, |
| *Voici que ma jeunesse* | Jen mia juno |
| *Au fond des yeux s'éteint:* | Okulfunde estingiĝas: |
| *Puisque je n'ai plus d'espoir* | Ĉar mi ne plu havas esperon |
| *De te revoir.* | Cin revidi. |

**HELPALVOKO**

Antaŭ dek jaroj (2001) fondiĝis la asocio *SOS Casamance*, precize en momento, kiam post malfacilaj jaroj paco ŝajnis ebla. Ĝia celo estas «promocii kaj disvolvi kulturon de paco, de dialogo kaj neperforto en Kazamanco - agi por la paco kaj la disvolviĝo de Kazamanco». Ĝi agas same ene de Senegalo kiel en la diasporo, ĉefe en Francio, kiel loĝas ĝia prezidanto, *Amadou Sylla*. Ĝi riproĉas kaj al MFDC kal al la senegala registaro (kaj armeo), ke ili profitas de la konflikto, provante prosperi je la kosto de la loĝantaro. Same Gambio kaj Gvineo-Bisaŭo havas profiton de la konflikto pere de diversaj ŝakradoj. La manko de strukturoj, interalie de universitato en la sudo, grave malhelpas la regionan disvolviĝon – la kazamancanoj devas ekzemple studi en Dakaro, kie ili, ne parolante la volofan, ne bone konante la “nordajn” kutimojn, ofte ne praktikante islamon, tute ne sentas sin hejme. Kredante je demokrata solvo, *SOS Casamance* sendis alvokon al ĉiuj kandidatoj en la baldaŭa senegala prezidenta baloto. Ĝi ankaŭ proponas subskribi peticion sur sia retejo. Multaj pensos, ke tio estas naiva. Ankaŭ ĝia ideo pri referendumo en Kazamanco ne estas facile aplikebla: Kiu rajtus voĉdoni? Ĉu riskus ŝmirmonono, minacoj influi la rezulton? Alia ideo, tio estas impliki internaciajn organizojn, kiel ekzemple la Afrikan Union aŭ la Ekonomian Komunumon de la Ŝtatoj de Okcidenta Afriko, en la porpacaj diskutoj, estas pli trafa, sed konsistigus veran baton sur la internacia sceno por Senegalo kaj ties famo pri saĝeco kaj fidindeco.

Malbone digestita koloniepoka produkto, entute vere malsama de la resto de la lando, al kiu ĝi estis atribuita, Kazamanco, kun siaj 52 000 kvadrataj kilometroj kaj 1 500 000 loĝantoj, restas iaspeca fora, malsekura regiono, kiu ne povis disvolvi siajn agrikulturajn kaj turismajn potencialojn. Ĉar Senegalo meme riskas fali en gravan krizon, la solvo malverŝajne venos el Dakaro en la venontaj jaroj. Tamen la centra registaro devus havi la honeston agnoski sian malsukceson. Sed tio postulus novajn gvidantojn, entute homojn, kiuj ne profitis de la sistemo, ankaŭ malverŝajna afero en la nunaj kondiĉoj.

Multaj provas minimumigi tiun konflikton: estis nur 1000 mortigitoj en trideko da jaroj! Malpli ol la ŝippereo de la *Joola* en 2002 (2000 viktimoj), nome la pramŝipo, kiu dufoje semajne ligis Dakaron al *Ziguinchor* tra la insulo *Karabane* en dektri horoj. Finfine tiu katastrofo, konsekvenco de malbona organizado, troa ŝargiteco kaj malfruo de sukurado, estas simbolo de la registara politiko al Kazamanco. Sed ni ne forgesu, ke la viktimoj de tiu konflikto estas multe pli nombraj pro enkarcerigoj, maljustaj procesoj, torturoj, amasaj foriroj al aliaj landoj, ruinigitaj terkultivado, komerco kaj turismo. Entute neakceptebla situacio. Oni povas konkludi – kaj tio eblas nur en nia lingvo – ke kazamancanoj estas viktimoj de senegaleco, ankaŭ en la senco, ke en Dakaro oni neniam kapablis nek vere volis starigi justan, egalan traktadon de ĉiuj regionoj kaj seriozajn konsiderojn al iliaj apartaj bezonoj. ***AF***

Uwe Joachim Moritz

# "NAJBAROJ EN EŬROPO"

## IKEL en la Nederlanda-Germana Esperanto-Kongreso

Kadre de la ĉi-jara Nederlanda-Germana Esperanto-Kongreso en Monastero (*Münster)* de la 10-a ĝis la 13-a de junio, 130 personoj el 10 ŝtatoj okupiĝis pri kelkaj aspektoj de la kongrestemo.
En la kongresa ĉefprelego, *Gerrit Berveling* (Nederlando) emfazis la danĝeron de mallarĝega kompreno de identeco. Konkretigante mi aldonas ke ĉiu homo havas en si faskon da rilatoj al pluraj ideoj kaj homgrupoj. Tion tordas ĝeneraligaj stampoj kiel "tiu katoliko", "la islamano", "tipa hipio", "ĉiam la virinoj" aŭ "la teroristo", kio ofte kondukas al maltoleremo eĉ al perforto.
Mi prezentis tri prelegojn rilate etnajn aspektojn:

### LA PLATDIĈA LINGVO

Estis preskaŭ devo proksimigi al la partoprenantoj unu karakterizaĵon de la regiono Vestfalio kies plurfaceta centro estas Monastero: la platdiĉan lingvon. La trideko da aŭskultantoj aŭdis respondojn al la du demandoj «Kio estas la platdiĉa lingvo kaj kie ĝi estas uzata?» Ili estis rekonsciigataj pri la lingvika pozicio de la platdiĉa (okcidentĝermana branĉo de la hindeŭropaj lingvoj), pri la neekzisto de unueca platdiĉa lingvo, kiu, do, estas fasko da dialektoj, kaj pri diferencoj inter ĉi tiuj dialektoj. El la historio estis menciitaj interalie: la "Spegulo de la Saksoj" (13-a jarcento), tiu fama kompendio de la regiona kutimjuro, aliaj ekzemploj de la vasta skriba tradicio, la efikoj de la lutera reformacio kaj la reviglIĝo de la platdiĉa kulturo post longa dekadenco. Fine necesis demandi sin pri la perspektivo, kaj la respondo ne estis optimisma.

### ETNAJ KAJ LINGVAJ MINORITATOJ EN NEDERLANDO KAJ GERMANIO

Tiun prelegon mi komencis per du enigmetoj ne tute facile solveblaj - pensis mi. El la 20 ĉeestantoj pluraj surprizis min per la tuj donitaj ĝustaj respondoj: la papiamenta kaj la soraba estas lingvoj uzataj en Nederlando respektive Germanio. En la centro de la skiza prezento de la temo troviĝis la signifo, por la lingvaj komunumoj en tiuj du ŝtatoj, de la "Eŭropa Ĉarto de la Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj". Dum la platdiĉa dialektaro (en Nederlando nomata nedersaksa) kaj la limburga, kutime konsiderata kiel dialekto de la nederlanda, sed ŝtate rangaltigita al



Fotis *Ursula Schnelle-Moritz.*

aparta lingvo, estas protektataj per la Ĉarto, la zelanda kaj la ceteraj dialektoj ne "ĝuas" la avantaĝetojn de tia agnosko. Kiel minimuman paŝon direkte al efika protektado estas postulata ĝenerala lerneja instruado de ĉiuj ĉi aŭtoktonaj idiomoj de ambaŭ landoj.

### LA INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ (IKEL): KION ĜI CELAS, KION ĜI FARAS?

Ĉe la komenco de tiu lasta kontribuaĵo mi voĉlegis punkton 2 el nia statuto kaj rakontis iom pri la ekesto de **IKEL** en 1978. Tute nature, la plejmulto rilatis nian agadon kaj tiukadre la aperigadon de tiu ĉi revuo tiel pozitive pluevoluinta dum la pasintaj ok jaroj. Mi listigis niajn ceterajn publicaĵojn kaj intervenojn ĉe registaroj k. s. Kaj mi konkludis ke la agado de **IKEL** esperate kontribuas al konsciigo de la esperantista kaj de la ĝenerala publikoj pri la interetnaj problemoj. kaj ke tiu agado ankaŭ pliakrigis la bildon de nia komitato en la senco de serioza utiligado de la Internacia Lingvo. Ĉeestis 15 kongresanoj.
La aŭskultantoj de la prelegoj ricevis ĉiuteme faskon da plej diversaj materialoj (maposkizojn, statistikon pri la minoritatoj en Nederlando kaj Germanio, kopiojn de platdiĉaj literaturaĵoj kaj oficialaj tekstoj, la du enigmo-tekstetojn, la IKEL-statuton, rezolucion, la "Deklaracion por Etnista Humanismo" k. a.).
La unuan temon tre konvene kaj agrable akompanis vespera programero: Dum pli ol horo, vira koruso el najbara vilaĝo kantis platdiĉe (kaj iomete en la Internacia Lingvo).
Cetere, la bonveniga teksto en la kongres-kajero estis kvarlingva: Krom Esperanto aperis la nederlanda, la germana kaj la platdiĉa.
Dum la Kongresaj tagoj en la "Movada Foiro" estis rigardeblaj kaj aĉeteblaj pluraj numeroj de ***Etnismo*** kaj aliaj publicaĵoj niaj. Simile, en la prelego estis konsulteblaj, depende de la temo, mapoj, libroj kaj revuoj.
Niaj ĉeesto en la Kongreso kaj aktiva kontribuado al la programo estis certe utila, kvankam la interesiĝo de la publiko restis, kiel kutime, limigita. ***UJM***

## FORPASIS EŬSKA POLITIKISTO


Foto:http://www.hoy.es
***J. M. Bandrés Molet***

Kia surprizo tristiga legi, dum hazarda serĉado en la reto, pri la morto de *Juan María BANDRÉS MOLET* (12.02.1932 - 28.10.2011)! Li estis juristo kaj defendis du el la 16 akuzitoj en la fifama proceso de *Burgos* en 1970, kies verdikto estis ses punmortigoj, feliĉe, ne efektivigitaj pro la tutmonda ondego de protestoj. *Bandrés* estis elstara eŭska politikisto de la postfrankisma periodo. Li kunfondis la eŭskisman partion "*Euskadiko Ezkerra*" ("La Maldekstro de Eŭskio"), kies parlamentano li elektiĝis en la unuaj liberaj balotoj la 15-an de junio 1977, kaj membris en la Eŭska Ĝenerala Konsilio, la provizora registaro de Eŭskio, en 1978. De 1979 ĝis 1989 li estis deputito de "*Euskadiko Ezkerra*" en la tuthispania parlamento. Kiel redaktoro de ***Etnismo***, la 27-an de julio 1978, dum unu horo mi intervjuis *Bandrés*, kiu nomis la ekonomian situacion, la enradikigon de demokratio kaj la eŭskan identecon la tri plej gravaj problemoj. Naŭ jarojn poste li prelegis en *Soest* (Vestfalio, Germanio) kadre de seminario por instruistoj de la kastilia lingvo, kaj lia temo estis "*Euskadi, política entre el terrorismo y el centralismo*" ("Eŭskio, politiko inter la terorismo kaj la centrismo"). Meze de la 1990-aj jaroj, li adiaŭis la politikon, sed ankoraŭ komence de la nova jarmilo diversaj institucioj honoris lin pro la defendado de la eŭskoj kaj aliaj minoritatoj.
Dum pli ol dek jaroj *Juan María Bandrés Molet* estis malsanega kaj ne plu havis kontakton al la eksterdoma mondo. Mi ĉiam memoros lin kiel tre agrablan kaj helpeman homon kaj sinceran batalanton por la rajtoj de la diskriminaciataj etnoj.
***UJM***

## KONCIZE EL ...



Fotis *Ludmila Novikova*.
**JoMo gvidas la forumon pri la okcitana lingvo.**

**FRANCIO. *SÈTE*:** Aprile dum la Interasocia Renkontiĝo 2011 de Esperanto ĉe Mediteraneo, tago estis dediĉita al la okcitana lingvo. Ĝi komenciĝis per prelego de *Ferriol i Macip*, kataluno, kiu laboris plurjare en Okcitanio kiel animatoro en someraj aranĝoj por infanoj kaj adoleskuloj. Gepatroj organizis tiujn okcitanlingvajn feriojn kaj preferis sudkatalunajn animatorojn, kiuj estante ne francianoj malpli riskis paroli la francan kun la infanoj. La du lingvoj sufiĉe similas por ke katalunoj kapablu paroli iun ajn okcitanan dialekton post iom da alkutimiĝo.
"La okcitana, ĉu prihontinda lingvo?" demandis sin la preleganto. Ŝajnas, ke jes. Post okcitanlingva interŝanĝo kun maljuna panvendistino, li estis kolere riproĉita de la filinoj. Multajn jarojn ili bezonis por francigi la avinon. Kaj alvenas kataluno, kiu fie forfuŝis la filinan laboron! Per la okcitana oni parolas laŭte, uzas fivortojn kiel oni neniam farus en la franca, en kiu oni multe pli ĝentile parolas. Kiam en la franca oni diras: «*Désolé, Monsieur, mais j'y peux rien faire*», (mi bedaŭras, Sinjoro, sed mi nenion povas fari), oni tutsimple volas diri: «forfikiĝu!», kaj por saluti en la okcitana oni diras: «Mil dioj! He! Vi!, Ĉu ĉio bone? Fek' al Di'! Putinista putinido!». Aŭ, tute male la okcitana uzatas fare de intelektulaj grupetoj kun foje tro alta nivelo.
*Alain Carmelio*, prezidanto de la Seta Okcitana Rondo, prezentis diapojn kun desegnitaj homtipoj de la ĉiutaga seta vivo en la komenco de 20-a jarcento, tiritajn el *l'Armanac Cetòri* (la seta almanako). Tiu prelego en la seta varianto de la okcitana estis tradukita de *Jean-Marc Leclercq* (JOMO), parolanto de la tuluza okcitana dialekto. La interkompreno ne ĉiam facilis, sed la surdiapaj karikaturoj foje parolis de si-mem kaj bildigis epokon, kiam ĉiuj ankoraŭ parolis okcitane: oni mokis vinkomercistojn, kiuj «ne faris vinon per vinberoj, sed ĝin ruĝigis per porka sango», kaj oni donis al ĉiu kromnomon: *Lou Reinard*, *la Crespina*, *la Sacca*, *lou Bournet* (menslimigita homo). *Lou Sauta Rigola* (la riversaltanto) estas junulo, helpanto de vinberisto, kiu ĉiam malfruis al la laboro kaj senkulpiĝis dirante, ke la ponto estis fermita por lasi pasi la ŝipojn. *Lou Bouc* (la virkapro) aparte virecis. *La Pichina* ne edziniĝis ĉar italdevena. *L'Arpion*, estas idealigita virino kun … pieddurajoj! (-arpion- en la okcitana, same kiel en la arpitana, signifas ungegon, pinton malantaŭ kelkaj birdaj piedoj, piedfingrojn aŭ foje kalon).

**MANIFESTACIO EN TULUZO:**
la **31-an de marto 2012**, mobiliztago por subteno de la okcitana. ***Coordinacion*** (IEO Fed) /Ostal d'Occitània / 11 carrièra Malcosinat / 31000 TOLOSA/TOULOUSE.
2012@manifestarperloccitan.com / 05 34 44 97 11.



**- INFORMILO 68**
**Internacia komitato por Etnaj Liberecoj,**
**Honora prezidanto:**
*Uwe Joachim Moritz*

## Karaj Legantoj,

Longe silentis ***Etnismo*** post la lasta numero aperinta en aprilo 2011. Diversaj zorgoj, superŝutoj kaj pripensoj en la estraro kaŭzis tiun malfruon.

Unue, kiel vi povas legi sube la anonco de la demisio de *Daniele Vitali*, kiu plurjare prezidis **IKEL**, kaj la momenta malfacilo por lin anstataŭigi.

Tio ne signifas, ke **IKEL** komplete paneis. Pluraj estraranoj ĝin reprezentis en diversaj okazoj:

**Interasocia Renkontiĝo 2011 de Esperanto ĉe Mediteraneo:** dum tiu aprila renkonto okazis okcitana tago kun prelegoj pri la okcitana kaj en la okcitana. Tiam estis la okazo prezenti ***Etnismon*** kaj **IKEL**, kaj vendi numerojn de la revuo. (Vidu p. 26)

**Nederlanda-Germana Esperanto-Kongreso:** junie *Uwe Joachim Moritz* reprezentis **IKEL** dum tiu aranĝo per du prelegoj, unu pri la platdiĉa lingvo, unu pri nia asocio. En la Movada Foiro *Uwe* povis vendi numerojn de ***Etnismo*** kaj diversajn publicaĵojn de **IKEL**. (Vidu p. 25)

**Universala Kongreso en Kopenhago: t**ri estraranoj ĝin partoprenis, *Xabier Rico Iturriotz, Alain Favre kaj Nicole Margot.* Ili havis budon, vendis multajn numerojn kaj gajnis du novajn membrojn. Dum la forumo de la fakaj asocioj, *Nicole Margot* prezentis la aktivecon de **IKEL** kaj ĝian revuon, kaj tie denove vendis numerojn.

**Internacia Lingva Festivalo en Ĉuvaŝio:** *Daniele Vitali*, invitita de *Hèctor Alós i Font*, **IKEL**-estrarano, vojaĝis al la Rusa Federacio por la Lingva Festivalo en Ĉuvaŝio. (Vidu p 7.)

**Kataluna Esperanto-kongreso, Barcelono:** dum tiu kongreso *Alain Favre* kaj *Nicole Margot* gvidis rondan tablon pri plurlingveco en Eŭropo kaj *Alain* profitis la okazon por prezenti **IKEL**.

*Llibert Puig, Xabier Rico Iturriotz, Alain Favre* kaj *Nicole Margot* neformale kunvenis la 31-an de oktobro en Barcelono por diskuti pri la estonto de **IKEL**. Estis invitita *Francesc i Bañez Garcia*, fondinta membro de **IKEL**. Dum tiu kunveno *Alain Favre*, estrarano de **IKEL** kaj kunredaktanto de ***Etnismo***, proponis sian kandidatiĝon al prezidanteco.

**La reta Forumo - etnismo** -:.ĝi daŭre funkcias kaj lastatempe *Hèctór* inicis diskuton pri la uzo de la rusiaj lingvoj surrete. (vidu p. 14.)

**Demisio de nia prezidanto *Daniele Vitali*:** fine de junio, post 13 jaroj da prezidado de nia asocio, *Daniele Vitali* anoncis sian demision. Ni tre bedaŭras tiun decidon kaj dankas *Daniele* por lia kompetenta kaj plurjara dediĉo al **IKEL**. Ni lasas ĉi sube la unuan **IKEL**-prezidanton komenti la aktivecon de sia tiama posteŭlo.

***Etnismo:*** Ni longe esperis foje aperigi po 3 numerojn jare, sed la financoj de **IKEL**, same kiel la laborfortoj montris, ke ne eblas. La celo restas, ke ĉiu abonanto ricevu minimumon de 36 paĝoj, ĉiujare preterpasitan, en 2011 vi ricevis 52. **Nova provo**: Sendo de informletero fine de junio al ĉiuj, kiuj sendos sian retadreson al la redaktejo, aŭ, ne havante retaliron, deziras ilin perpoŝte. Tiu letero estos konsultebla sur la retejo. ***NM***

# Daniele Vitali demisiis

Laŭ mia memoro, mi konatiĝis kun *Daniele* en **IKEL**-kunveno dum la 74-a Universala Kongreso en Brajtono en 1989. Tiumomente li estis probable la plej juna membro de nia asocieto kaj, do, esperiganto inter la malnovuloj. Ŝajnas ke la unua longeta kontribuaĵo de *Daniele* aperis en n-ro 47 (27.04.1990) de ***Etnismo***, paĝoj 10 kaj 11, pri "Nacio sen estanteco: padianoj", kaj jam en n-ro 48 (10.05.1991) sekvis "Raporto el kontraŭslovenisma urbo: Triesto". La jubilean numeron 50 (31.01.1992) plivalorigis ampleksaj tekstoj pri "La etnoj de (eks-)USSR: Kiel nomi ilin?" (p. 13 - 15) kaj "La ladinoj: dividita etno sur turisma montaro" (p. 20 - 21). La unua ofico, kiun *Daniele* okupis en nia organizo ekde la membrokunveno 1991 en Bergeno, estis tiu de **IKEL**-sekretario (kune kun la bretono *Daniel Houguet*). Krome, la estraro eknomis lin delegito pri emilianoj en pli, malpli centra Italio. Tiu ofico estis tiujare kreita, kaj *Mauro Tosco* kaj *Anita Perič Altherr* iĝis delegitoj por piemontanoj respektive italiaj slovenoj, dum **IKE**L-vicprezidanto *Renato Corsetti* transprenis la kunordigon kaj tiukampajn ĝeneralaĵojn.

De 1993 ĝis 1998, *Daniele* estis vicprezidanto de **IKEL** kaj, en 1998, la membrokunveno en *Montpelhièr* elektis lin prezidanto. Unu jaron poste, la membrokunveno en Berlino akceptis la projekton, prezentitan far *Daniele*, de "Deklaracio por Etnista Humanismo". Tiu ĉi dokumento (publikigita en ***Etnismo***, n-ro 66, p. 14) iĝis la idea fundamento por la agado de **IKEL**.

*Daniele* puŝis nian asocion definitive en la "modernan" mondon funkciigante TTT-ejon kaj retadreson por **IKEL**. Tio certe faciligas interkontaktadon de la geestraranoj kaj de la membroj ĝenerale.

